MAJO 1934 Aperas dekfoje dum la jaro KVARA NUMERO




Literatura • arta • ilustrita • revuo

Redakcio kaj administracio: Hungarujo, Budapest, IX., Mester ucca 53, V. 5

Abonprezo por jaro: 9·—, duonjaro: 5·—, unu ekz.: 1·— svisaj frankoj, specimeno: 1 resp. kupono

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas.
La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

# NIAJ ELDONAĴOJ

### Verkoj de JULIO BAGHY:

Dancu Marionetoj, noveloj tolb. 5.40, broŝ. — — 3.40
Migranta Plumo, noveloj tolb. 4.60, broŝ. — — 2.70
Viktimoj, romano tolb. 7.[illegible], duont. 5.60, broŝ. — 5.—
Hura! romano tolb. 10.— broŝ. — — — — — 7.40
Preter la Vivo, poemaro tolb. 3.—, broŝ. — — — 2.—
Pilgrimo, poemo o tolb. 3.—, broŝ. — — — — 1.80

### Verkoj de KOLOMANO KALOCSAY:

Lingvo, Stilo, Formo tolb. 4.90, broŝ. — — — 3.—
Malkara eldono bind. 2.50, broŝ. — — 1.50
Streĉita Kordo tolb. 5.70, broŝ. — — — — — 4.—
Rimportretoj tolb. 4.50, broŝ. — — — — 3.—
Eterna Bukedo, Internacia poemantologio, 352 paĝa.
Duonlede bindita — — — — — 11.30
Madách: Tragedio de l' Homo luksa 5.50, simpla 4.—
Petőfi: Johano la brava
luksa bind. 7.—, simpla bind. 5.20, broŝ 1.50
Goethe: Romaj elegioj; La Taglibro, silkebind. — 5.—
bind. 3.—, broŝ. 2.—
Hungara Antologio bind 14.—, broŝ. — — — 12.—
— G. Waringhien: Kiel fariĝi poeto aŭ Parnasa
Gvidlibro bind. 5.—, broŝ. — — — — 3.60
Dante: Infero bind. 11.—, broŝ. — — — — 8.50

### ALIAJ VERKISTOJ:

S. Asch—I. Lejzerowicz: La Sorĉistino el Kastilio
romano bind. 5.—, broŝ. — — 3.50
Grenkamp—Brzekowski: Pri l' Moderna Arto
bind. 9.—, broŝ. 7.—
J. Forge: Mr Tot aĉetas mil okulojn — Romano
bind. 5.80, broŝ. 4.—
Francisko Szilágyi: Poemaro el Hungarlando bind. 2.50
broŝ. 1.50
Francisko Szilágyi: Trans la Fabeloceano novelaro
bind. 4.50, broŝ — 3.—
Szilágyi: La Simpla Esperanto (gram. por hung.) broŝ. 1.35
Teodoro Schwartz: Modernaj Robinzonoj broŝ. — 1.50
La Pentroarto en la malnova Hungarujo, kun 95
ilustraĵoj duonlede bindita — — — — — 15.50
L. Totsche: De Paĝo al Paĝo studoj bind. 4.—, broŝ. 2.50
Engholm: Homoj sur la Tero romano bind. 5.—, broŝ. 3.00
Kenelm Robinson: Homarisma Laboro broŝ. — — 0.60
I. Ŝirjaev: Peko de Kain broŝ. — — — — 1.—
H. Weinhengst: Turstrato 4. romano bind. 5.50, broŝ 4.—
E. Aisberg: Fine mi komprenas la radion! bind. — 6.—
broŝ. 4.50
K. Karinthy—L. Totsche: Vojaĝo en Faremidon broŝ 1.20
K. R. C. Sturmer: El Notlibro de Praktika Esperantisto. bind. 4.—, broŝ — 2.50
Hungara Slosilo — — 0.18

**Prezoj en svisaj frankoj!**
Aldonu 10% por sendkostoj

# Niaj reprezentantoj:

**AUSTRIO:** Rudolf Foltanek,
**Wien,** I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704

**AUSTRALIO:** L. E. Thomson, p. a. R. G. Rawson,
**Melbourne** 185 Exhibition Str.

**BELGUJO:** Belga Esperanto Instituto **Antwerpen**, Kleine Hondstraat 11. Poŝtkonto nro 1689.58.
Flandra Esperanto-Instituto. **Kortrijk,** Marckesteenweg 18, poŝtkonto nro 3268.51.

**BRITUJO:** Alec Venture,
**Mitcham,** (Surrey) 42 Hawkes Road.

**BULGARUJO:** Centra Librejo »Esperanto«
**Sofia** str. Maria Luiza 38.

**ĈEĤOSLOVAKIO:** Otto Sklenĉka, **Hradec Kralové.**
**Poŝtkonto** nro: Brno 110.878.

**DANUJO:** Isosek, sro L. Friis **Aabyhöj,** Frodesvej 21.
Poŝtkonto nro: 16205.

**ESTONIO:** Helmi Dresen, **Tallin,** Poŝtkest 6.

**FRANCUJO:** Centra Esperanto Librejo
**Paris** 6e, 11 rue de Sèvres
Poŝtkonto: Libraire Centrale Esp.-iste, Paris nro 19601.
**S. Grenkamp-Kornfeld,** Paris XIV-e 117 Bd. Jourdan.

**GERMANUJO:** Poŝtĉekkonto de Vilmos Bleier,
**Berlin** 138084

**HISPANUJO:** Ferdinand Montserrat,
**Barcelona,** str. Provenza 75, 2—3a

**ITALUJO:** Itala Esperanto Centro **Milano,** Galleria
Vittorio Emmanuele II. 92
Poŝtkonto: Milano, c/c postale 3/18715.

**JUGOSLAVUJO:** Sudslava Esperanto Servo
**Zagreb,** Primorska 11.
La Suda Stelo **Slavonski Brod** Poŝtfako 44.

**NEDERLANDO:** Leo Moreau,
**Arnhem,** Raapopsche weg 55. poŝtkonto nro 138448.

**NORVEGUJO:** Norvega Ligo Esp-ista,
**Oslo,** Bergsliengata 11.

**POLUJO:** Halina Weinstein, **Warszawa,** str. Leszno 99.
P. K. O. W. Nr. 27867.
Izrael Lejzerowicz, **Lodz,** Skwerowa 20.
Poŝtkonto nro W. P. K. O. 68273.

**RUMANUJO:** Esp.-Instituto Rumana, **Cluj,** str. Bravilor 15

**SVEDUJO:** Förlagsföreningen Esperanto,
**Stockholm,** 1. Fack 698 Poŝtgirokonto nro 578.

**SVISUJO:** Nova Esperanto Grupo, sro Hans Pfiffner,
**ST. Gallen** C. Gallusstrasse 34.
Poŝtkonto: Nr. IX. 53.41.

**JAPANUJO:** Japana Esperanto Instituto
**Tokio,** Hongoo—Motomaĉi I. Poŝtkonto: Tokio 11.325.

**USONO:** Amerika Esperanto-Insituto.
Madison, (Wis.) Sherlok Hotel

**ALIAJ LANDOJ** ne menciitaj ĉi tie, bonvolu sendi poŝtmandaton al **P. K. O. Polujo,** Krakow Nro 403148 Administracja Literatura Mondo. Internaciajn poŝtajn respond-kuponojn ni akceptas en la valoro de 0.30 sv. fr. por unu. Aldonu 10% por sendkostoj.

# Ekzotikaj artlingvoj

**— De Richard Katz —**

»Kiel do vi kompreniĝas kun ĉiuj ĉi homoj?« kaj »Kiom da lingvoj vi devas do propre paroli?« — Tiajn demandojn ricevas mondvojaĝanto ofte por respondi. Motivitaj demandoj, certe. Kiu veturas Parizon, rememoras kun doloro, kiom da jaroj al li lia »lerneja franclingvo« maldolĉigis, ne donante nun al li kompense efektivan profiton; kiu volas pasigi sian forpermeson en Italujo, preparas sin tutajn monatojn por la itala lingvo. Kiel do en la vasta mondo faras la mondvojaĝanto, travojaĝanta dekduon da malproksimaj landoj unu post la alia?

Li havas pli facile, ol vi kredas.

Jes, se tio estus eŭropaj ŝtatoj: pro lingva studado kaj studado li ne povus manĝi — eĉ ne parolante pri skribado. Se li volus konatiĝi kun la loĝantaro (ne nur kun diplomatoj kaj kelneroj), li devus sole inter Berlino kaj Konstantinoplo ellerni kvin diversajn lingvojn, inter Berlino kaj Helsingfors ses kaj inter Berlino kaj Lisbono ĉiuokaze tri.

Tamen, feliĉe, li vojaĝas ne en Eŭropo, sed li vagadas milojn da mejloj for de l' patrujo ie en Azio; kaj tie la kompreniĝo estas pli simpla.

Car la Oriento estas pli aĝa ol la Okcidento kaj — kvankam ni kredas nin tiel raciaj kaj tiel progresintaj — ĝi estas ankaŭ pli saĝa. Dum ni ankoraŭ heziteme eksperimentas per Esperanto (ne instruante ĝin almenaŭ en niaj lernejoj), elpensis la koloraj popoloj jam delonge »trafiklingvojn«, kies tereno estas pli vasta ol tuta Eŭropo.

En la meza Afriko ekzistas Dio scias kiom da negraj lingvoj kaj dialektoj. Preskaŭ neeble ilin ĉiujn lerni. Sed ankaŭ superflue. La simpla, preskaŭ sengramatika »*Suaheli*« sufiĉas.

Antaŭa Hindujo havas du- ĝis tricent diversajn dialektojn, precize mi ne scias; sed estas ĉiuokaze da ili pli ol vojaĝanto en Hindujo povus digesti. Faras nenion. Per la simpla, dum kvar semajnoj ellernebla trafiklingvo »*Hindustani*« la fremdulo kompreniĝos ĉie de Bombay ĝis Kalkutta, de Madras ĝis Kaŝmir.

Ĥinujo, kiu havas nur unu komunan skribon, sed dekduon da fundamente malsimilaj dialektoj. estus fermita al la Eŭropano, se multaj milionoj da ĥinoj ne uzus »*Piĝin anglan*« kiel lingvon de trafiko. Ĝi estas miksaĵo el anglaj, malajaj kaj ĥinaj elementoj, eĉ al simplaj cerboj facile alirebla. — Ke mi ne forgesu: Ankaŭ en la Suda Maro oni kompreniĝas per ĝi; tiel longe almenaŭ, ĝis oni per aŭdado lernis de la dikaj brunuloj ilian etan kvanton da »*trafik-polinezia*« lingvo.

Ne, la mondvojaĝanto ne estas admirinda pro sia multlingveco. Ĉiu hotelpordisto superas lin en tio. Flue angle kaj malflue france kaj itale (tion ĉi lastan jam tre malflue), jen ĉio, per kio ekzemple mi min povas legitimi. Kaj per la »trafiklingvoj« nature. Sed tiujn ellerni. estas vere nenia arto.

La Eŭropano profitas tie ĉi de la simpla homa prudento de l' koloruloj, kiuj kunmetis sian »hindustani«, »suaheli« aŭ »piĝin-angle« ekskluzive por celoj de komerco kaj kompreniĝo, sen la plej malgranda ambicio, traduki en ĝin »Hamleton« aŭ »Faŭston«. Tio estas nenia ŝerco; tio estas serioza afero. Mia unua angla instruisto ekzemple estis tiel posedata de la nomita speco de ambicio, ke mi nur dudek jarojn poste povis meti praktikajn fundamentojn por miaj anglaj konoj. La germanaj kajeroj »1000 vortoj angle« helpis al mi en tio. — Por la orientaj trafiklingvoj oni ne bezonas eĉ mil vortojn. La duono sufiĉas, kaj jam ducent portas vin antaŭen.

Mi ankaŭ ne faras al mi la penon, lerni ilin antaŭ la vojaĝo. Car mi scias: kie tiuj ĉi trafiklingvoj estas necesaj, tie saĝaj ĉielaj potencoj antaŭvidis pluvsezonon, du ĝis tri monatojn de tiel verŝanta, ekskluziva kaj devkonscia pluvo, ke la fremdulo devas resti en la ĉambro kaj jam pro enuo lerni la trafiklingvon.

Ankaŭ en tio nome la Oriento estas pli praktika. Ĝi havas orde dividitan, fidindan veteron: neniajn tiajn surprizojn kiel ĉe ni, ke la meteorologoj promesas »degelon kaj pluvon« kaj en la sekvanta tago la akvotuboj krevas de frosto. Ne, *se* tie ĉi devas pluvi, do ankaŭ pluvas, kaj pluvas solide kaj sufiĉege, ne tia infanĝardena pluvo kiel ĉe ni, sed tiel kiel diras Heine: »La hernia zono de nuboj krevis...«

En Java estas nun fino de la pluvtempo. Sed la pluvo prenas siajn devojn ankoraŭ same serioze, kvazaŭ ĝi havus en si la junecan impeton de la komenco. Ĝi estas pluvo, kiu studis en la ĉiela akademio, kiel oni pluvas. Ĝi tute ne estas plu ordinara pluvo, ĝi estas superpluvo, ĝi estas akvokuvoj, kiujn la ĉielo senĉese kaj kun fervorplena devo elverŝadas sur bambuojn, mangoarbojn, bubalojn, homojn kaj domojn. Dum la lasta semajno mi konsumis tri pluvombrelojn el oleopapero (faras nenion, ili kostas nur unu guldenon po peco), kaj la tegmentisto gimnastikas konstante sur la *bungalow*,[1]) ĉar apenaŭ li ŝtopis unu truon, tuj la pluvo faras al si jam novan vojon en la ĉambron.

Nu, vidu, kaj dum tiu ĉi pluvo mi lernas »*trafik-malaje*.«

Ĝi estas simpla kaj amuza okupo. Kaj necesa ĝi estas ankaŭ. Car se mi devus studi ĉiujn lingvojn kaj dialektojn, kiujn la malajaj gentoj parolas sur Sumatra kaj Borneo, sur Bali kaj Flores, aŭ eĉ nur tiujn, kiujn ili parolas sur Java (la »marborda javana« kaj la »montara javana« kaj la ordinara javana kaj tiu por superaj kastoj kaj eĉ tiu, kiun la sultanoj deziras aŭdi): mi povus mian vojaĝon daŭrigi nur estante grizbarba maljunulo. Sed tiel, »trafik-malaje«, komprenata de ĉiu infano, ĉiu kulio, ĉiu sultano kaj ĉiu knabino: nenio estas pli simpla.

La deklinacio preskaŭ ne meritas mencion.

»Homo« signifas »orang«, »pluraj homoj«: »orang-orang«. »Multaj homoj?« Al kiu plaĉas, tiu alkroĉas ankoraŭ unu »orang« al tio. — La genitivo sin montras nur per tio, ke ĝi staras post la vorto, al kiu ĝi rilatas. — Al la dativo antaŭmetas bone edukitaj homoj ian bel-aspektan prepozicion, »akan«, »ssama« aŭ eĉ »kapadda«. Mi por mia persono rezignas je la dativo; la plejmulto da homoj faras tie ĉi same. Kaj io tia kiel akuzativo ne ekzistas eĉ por pedantoj. Brava kaj honesta akuzativo, ricevas tie ĉi nenian finajon, sed estas ekkonebla el la senco de la frazo. Fino kun la deklinacio.

La konjugacio postulas ankoraŭ pli malmulte da pripenso:

La nuntempo estas signata per la vorteto »adda« (»esti«) — kaj nome sendiference por ĉiuj personoj de l' unu- kaj plurnombro — la pasinteco per »habis« (»preta«), la estonteco per »nanti« (»atendata«). — Kaj pasivon de ĉiuj personoj kaj tempoj oni atingas senpene per antaŭmetita »di«.

[1]) bambua vilao en holandaj kolonioj

# Doto

— N. Teodorov-Fol —

La juĝato parolis:

— Okazis tiel, sinjoroj juĝistoj, ke mi restis senlabora. Ho, sub tiu kompatema suno okazas ankaŭ tiaj aferoj!

— Ni havas neniajn vakantajn lokojn — oni diris al mi en ĉiuj oficejoj kaj laborejoj.

— Bonan tagon, via pastra moŝto, ĉu ne estas laboro en via preĝejo?

— Dio vin benu, filo mia!

Kaj li forpasas.

— Sed, pastra moŝto . . . almenaŭ sakristiano, mi scipovas bati sonorilegon bonege, harmonie, mi studis du jarojn en konservatorio.

La pastro ne aŭdis min.

— Saluton, kolego, ĉu en via gazeto ne troviĝas laboro?

— Ni havas unu lokon, sed ĝi ne estas ankoraŭ vakanta.

— Kiel do? — vi havas kaj samtempe ĝi ne estas vakanta.

— Nia korektistino diris, ke post ses monatoj ŝi edziniĝos al mi ne scias kiu, kaj tiam, kompreneble, ŝi eksiĝos.

— Ĉu tiel? Bonege! Jen tio nomiĝas amiko! Vere, ses monatoj estas tre longa templimo, sed . . .

— Ha, longa! Kial longa! Ses monatoj pasas kiel ses tagoj, preskaŭ nerimarkeble . . . He, frato, la vivo estas mallonga, unu momento!

— Mi atendos, kion mi farus! — mi diris. — Pli bone malfrue ol neniam.

Kaj armita per la popola saĝeco, mi iradis ĉiutage en la redaktejon, sidadis vidalvide al la korektistino, kruciginte la krurojn unu sur la alia, observadis ŝin de la kapo ĝis la piedoj kaj pensadis: »Nu, nu, kolombeto, edziniĝu pli baldaŭ! Kial atendi tutajn ses monatojn! Ne decas al knabino pli ol dudekjara resti needziniĝinta«.

En la redaktejo cetere estas agrable. La redaktoro havas cigaredojn, ĉe iu el la raportistoj ĉiam troviĝas alumetoj, la ŝtrumpoj de la korektistino estas silkaj, kaj trans la fenestro estas videbla moderna laborejo de vestoj por sinjorinoj.

Kaj restadi en la redaktejo dematene ĝisvespere, revadi pri mia estonta korektista agado, superŝuti pense la bonaniman korektistinon per bondeziroj pri pli baldaŭa edziniĝo — tio ĉi fariĝis por mi la sola ĉiutaga laboro.

La tagoj pasadis, malgraŭ mia brila kredo en la estonteco, tre malrapide. Dum la unua monato la korektistino turnis al mi nenian atenton, kredeble ŝi ne suspektis, ke mi mem daŭrigos ŝian senmortan agadon sur la tero. Dum la dua monato ŝi jam komencis min superrigardi subbrove, kaj dum la tria ni jam konsideris nin konataj kaj havis mallongajn interparolojn. Dum la kvara monato mi jam observis ŝian laboron de pli proksime, kelkfoje mi helpis al ŝi, kaj vespere mi akompanis ŝin ĝis la hejmo, ĉar ŝi finis la laboron tre malfrue kaj timis reveni sola.

Foje, tio okazis dum la kvina monato, ŝin akompanante al la hejmo, ŝi proponis al mi, ke ni eniru en dolĉaĵejon. Mi palpis miajn poŝojn kaj diris, ke mi manĝas neniajn dolĉaĵojn, ĉar . . . ĉar la kuracistoj tion malpermesis al mi, kiu scias kial. Anstataŭe mi proponis al ŝi, ke ni iom promenu. Estis bela luna nokto. Ni iris en la ĝardenon tiam mi kisis ŝin. Kaj kiam alvenis la sesa monato, ni estis jam gefianĉoj.

Nia edziĝo fariĝis sen specialaj solenoj. Mi estis feliĉa. Ŝi — same. Niaj novgeedzaj tagoj sekvis unu post la alia kiel strofoj de bela versaĵo. Mia edzineto

---

Nu, fino kun la konjugacio! Pli multe da ĝi ne ekzistas.

»Sed la vokabloj!« oni povas riproĉi. »por ĉiuj ideoj devas ja esti vortoj, kaj tiujn vortojn oni devas ja al si enmemorigi!«

Ne tiel danĝere. En »trafik-malaje« sufiĉas *unu* vorto por multaj ideoj. Kiun ĝi koncernas, tiu jam scias ĝian sencon.

Ĉio ekzemple, kio signifas ian specon de »komenci, funkciigi« nomiĝas »passang«. Tio povas signifi »pafi« aŭ »flirti« aŭ »kovri la tablon«, laŭ cirkonstancoj. La *boy*[2], al kiu oni je la sesa horo vespere diras »passang«, scias jam, ke li devas nun ekbruligi la lampon (ankaŭ se oni ne aldonas »lampu«), dum la stalservisto la »passang« tradukas ĝuste en tiu senco, ke li devas seli. Ankaŭ la malaja amikino tuj divenas, kion oni volas per »passang«.

Aŭ ni prenu la multe aplikeblan »ajer«. »Ajer« signifas »akvo«. Kion signifas »glacio«? »Ajer batu«. Kion signifas »lakto«? »Ajer ssussu« (ĉu oni ne aŭdas »suĉi« en »ssussu«?) »Teo?« »Ajer te.« — Demando kun premio: Kion signifas »ĉampano«? »Ajer puff!« (ĉu ĝi lasas sin pli naive kaj pli son-imite esprimi?). Ankaŭ »angur puff« oni povas diri je tio, sed tiel diras nur dandoj.

»Kreta« signifas »vagono«. »Api« signifas »fajro« kaj »stesn« (kiel la angloj prononcas »stacio«) signifas »haltejo«. — Sekve »stacidomo« nomiĝas? »Stesn kreta api« (»domo de fajra vagono«). Plastike, ĉu ne?

»Piedo« signifas »khakhi« (pro simpleco nomiĝas ankaŭ »gambo« tiel), la »vesto« de malajoj nomiĝas »ssarung«. Sekve »ŝtrumpo« nomiĝas? »Ssarung khakhi!« Bonege; oni baldaŭ komprenas la aferon.

»Infano« signifas »ana«; »bruto« nomiĝas »lembu«. Laŭ tio signifas »bovido«? »Ana lembu« memkompreneble. Kio estus pli simpla?

Mondvojaĝanto bezonas do al neniu imponi per siaj lingvaj konoj. Sed li ankaŭ ne fanfaronu per ili. Alie, li fartos kiel tiu germano, kun kiu mi foje veturis sur ĥina vaporŝipo. Ĉe la tablo li ekparolis al la ĥina steward[3]) »piĝin-angle«, sed la viro respondis al li en perfekta angla lingvo. Anstataŭ do nun kontentiĝi per tio, sentis mia vojaĝkolego la germanan bezonon, doni klasifikan noton. Do li donis al sia balbutanta lernej-anglaĵo jovialan kaj protektan tonon kaj demandis: »Rigardu, rigardu, kie do ci lernis cian anglaĵon?«

Je kio la flavulo kun afabla riverenco demandis reciproke: »Kaj kie do ci lernis cian?«

El la germana: *D-ro E. Pfeffer* (Wien).

[2]) servbubo

[3]) ŝip-administranto, ordigisto

## LA KORPO KORMANKA

— Brian Price Heywood —

Vortlertajn versfaristojn ni ja havas,
Kapablajn skulpti rimojn kaj poluri
Silabojn per velura man'; nin ravas
Rigardi plumojn facilkrure kuri
Sur molpapera paĝo, legi pri la
Mielaj amorevoj de sinjoroj,
Kuŝantaj lukse sur kanapo brila,
El kleraj, multuzitaj metaforoj.
En la plej frua tempo sonis kantoj
Pri hom-frateco, pri l' ide' interna:
Nun zume ĉirkaŭsvarmas nin amantoj,
Kaj vagabondoj kun inspir' senkerna.
Almenaŭ ili lingve sin ekzercas,
Lernas fruktuzi la mirindan riĉon
De nia lingvo; flirtas, trilas, skercas,
Kaj gaje festas sian esperantistiĝon.
Almenaŭ ili distras sin senpeke,
Kaj distras tiun, kiu ĉion legas
(Se nur revu' mencias ĝin *substreke*,
Se nur agrabla tolbindaĵ' ĝin tegas).
Kial forpuŝi la marionetojn?
Ludadu ili plu por nin amuzi;
Plektadu per fe-manoj amsonetojn...
Ĉu iu volus ilin forrifuzi?
Scipovas ili pepi, ridi, plori
(Ja plori eĉ, sed nur momente, kvazaŭ
Infanoj, kiuj vidis rozon flori,
Kaj trovas ĝin velkinta en la vazo).
Scipovas ili dolĉe sopirĝemi,
Kaj sveni eĉ... por baldaŭ restariĝi.
Scipovas ili pople folitremi,
Fiŝe glitadi, kaj maragle kriĉi.
Ja ĉio, kion lernus versstudento
Ĉe universitat' estas por ili
Facila, kiel la facila vento,
Facila, kiel por la turdo trili.
Nur unu afereton *ne* scipovas
Ĉi versaĵistoj kun la flua lango...
Krei Poemon taŭgan por la nova
Epoko, skribi per la propra sango
Literojn vibrajn pro korruĝa varmo.
Ili ja majstras lingvon, stilon, formon...
Jen la sekreto de ilia ĉarmo;
Sed ili timas faktojn, strebon, ŝtormon,
Timas rigardi en pupilon de la
Moderna vivo, aktuala, kruda
Kun ĉi mirindaĵaro superbela:
La maŝinegoj el brilŝtalo nuda,
La radiondoj fee delikataj
(Sed kun potenc' miloble herkulesa),
Egurboj grase riĉaj, sed malsataj...
Ĉu ĉio ĉi estas sensinteresa?
Ĉu burde muĝa svelta flugmaŝino
Estas nenio? Ĉu fajrritmo ĵaza,
La budo bunta de pomvendistino,
Amantoj en kinejo kun ekstaza
Febra plezuro sur la pala vango
(Kinejo, hal' heroa, pravolupta)...
Ĉu estas en ĉi temoj logomanko,
Ke oni kuras kun fervor' post nub' da
Vantaĵoj rozvualaj? Ĉu ni vivas
En tempo nenifara, vaka? Se mi
Rigardus ja per la okul' naiva
De ili, kiuj daŭras nur poemi,
Poemi kaj poemi pri nenio,
Dum mondo krakas, ungoj de milito
Traŝiras tervizaĝon — papilio
Bluflugila mi pensus min. Ĉu sprito,
Kaj homa brav' kaj saĝo nur valoras
Por teksi trikotaĵon belespriman?
Kion la lingvo esperanta poras?
Plenigi broŝuraron senaniman?
Ankoraŭ ni malhavas nian Dante,
Ankoraŭ al ni mankas nia Milton,
Por plori pri l' mondagoni' belkante,
Kaj pentri per penik' potenca bildon
Pri l' milfaceta nuno. Kiom longe
Ni devas plu atendi ĝis aperos
La Majstr' unua, kiu vokos gonge
Popolon nian? Ĉu ankoraŭ kveros
La kolombidoj? Nin ĉirkaŭas agoj
Pli heroecaj ol en Mezepoko;
Preteras nian kapon lancoj, sagoj
De pigra stulto, de malico, moko;
Kaj ni, etnombraj, puŝas la Batalon
Sengvidaj preskaŭ. La jarcent' dudeka
Enhavas forton, belon, idealon...
Nin venu Epopeo viv-reeĥa!

---

restis hejme, kantis al si feliĉajn kantetojn, kaj mi iris labori — en la redaktejon, kiel korektisto. Mi sidis sur la seĝo, sur la sama seĝo, sur kiu ŝi sidis, kaj pensis: »Bona animo! Ĉu mi, kruda egoisto, povas taksi ŝian oferon? Sian lokon, sian propran lokon ŝi cedis al mi en ĉi tiu tempo de terura senlaboreco! Kia alta nobleco! Ho, Sinjoro Jesuo Kristo, ŝutu vian benon sur ŝian anĝelan kapeton!«

Iun tagon, tamen, mia edzino ekdeziris, ke ni iru en kabaredon. Tio ĉi estis fatala deziro, ĉar tiun tagon sur nia brila vivo unufoje trapasis nigra ombro.

— Ne estas bele tio, kolombeto, — mi komencis konvinki ŝin, — kabaredon vizitas nur facilaj virinoj.

— Mi ne kredas — ŝi murmuris kaj malafabliĝis.

Kaj post unu semajno ŝi diris al mi:

— Mi volas iri kuraclokon, en Varna aŭ en Mesemvria.

— Kuraclokon? — mi ekmiris.

— Jes, mi bezonas marbanojn, komprenu!

— Sed de kie ni prenus tiom da mono? Ĉu vi scias, kiom . . .

— Aŭskultu — ŝi ekkriis — ni ambaŭ devas kvitiĝi niajn kalkulojn. Mi donis al vi doton, kaj vi ŝuldas al mi...

— Doton? Kian doton! Aŭskultu, kolombeto, vi ŝercas.

— Nudulo! Ĉifonulo! Ĉu ne mi kreis vin! Ĉu vi ne vagis, kiel almozulo, sur la stratoj senlabore? Kaj ĉu ne estis mi, kiu cedis al vi sian lokon, kiu puŝis en viajn manojn pecon da pano! Diru do, maldankemulo! Ha, vi silentas! Mizerulo, malnoblulo, sentaŭgulo!

Mi estas nerva homo. Sen povi prononci eĉ unu vorton, mi kaptoprenis la florvazon kaj ĝin rompis sur la kapo de mia edzino. Malgraŭ mia volo, kompreneble, ankaŭ ŝian kapon...

Juĝu min, sinjoroj juĝistoj, mi finis.

El la bulgara: *I. H. Krestanoff*

# INTER MONTOJ

— H. D. Nomberg —

Kiam oni parolas pri juneco kaj saneco, vivanta prezentiĝas al mi Sonjo, juna pentristino, kiun mi ekkonis antaŭ kelkaj jaroj en Munĥeno. Vidante ŝin, neniu povus supozi, ke ŝi apartenas al la raso de artistoj. Ruĝa, plena vizaĝo kun rondaj linioj, masive konstruita korpo neŝancelebla kaj fortika kun energiaj kaj viglaj okuloj, kun fortaj muskoloj, unuvorte, virino, kiu havis tre malmulte da virineca malforto. De kie tiu ĉi kreajo posedis tiel multe da sentimentaleco kaj revemo, kiujn ŝi esprimis per sia pentrilo, tio por multaj restis kvazaŭ enigmo. El sia tuta estaĵo parolis nur unu tono, kiu fa is nerimarkeblaj la aliajn; ŝia saneco, juneco, evoluinta korpo plena de fortoj. Sed nur poste mi rimarkis en ŝia vizaĝo mirindajn liniojn: krudajn kaj sovaĝajn trajtojn; precipe kiam ŝi parolis, de tempo al tempo sur la vizaĝo rapide kiel fulmo trakuris ia sovaĝeco de besto, kaj en la anguloj de ŝia belega frunto mi trovis tre multe el tio, kion oni nomas denaska inteligenteco. Ŝi havis la aĝon de 20 jaroj kaj havis grandan talenton. La profesoroj ŝin laŭdis. Ŝi pentris bovinojn, gregojn de ŝafoj, la silentan maron kaj la sudan ĉielon, (ŝia patro estis bienposedanto en Suda Rusujo) kun multe da amo kaj freŝeco. Krome ŝi havis liberan naturon, estis malkaŝema, kelkfoje eĉ ĝis malĝentileco, ŝatis kaj aplikis diversajn sportaĵojn estante ĉiam gaja. Du semajnojn post nia interkonatiĝo mi enamiĝis al ŝi grave kaj ankaŭ ŝi amis min; ĉiuokaze pli ol iun ajn el siaj ceteraj konatoj.

Tro multe ni ne postulis unu de la alia; ne premante nian rilaton tro serioza ni vivis feliĉe. Sentimentalecon kaj dorlotecon ŝi ne ŝatis; ŝi ne volis resti pasiva eĉ en sia amo. Ŝi — ŝajnas — nenion spertis de silenta sopiro kaj tremaj sentoj; la pasio ŝin atakis kiel uragano. Iafoje, irante kun mi surstrate, ŝi prenis mian manon, premis ĝin forte, kaj alproksimiĝis dorloteme al mi, karese alpremante sin kiel infano. Aŭ okazis, ke mi sidis ĉe ŝi ĝis malfrue en la nokto, kaj havis la okazon rimarki, kiel ŝi tiam pasie nervoziĝas, ŝian vizaĝon trakuras fulmetoj de sovaĝeco. Tiam kutime ŝi subite leviĝis dirante, ke mi foriru:

— Nu, iru hejmen, kaj morgaŭ ne plu venu — ŝi diris energie. Kaj kisante min antaŭ mia foriro, ŝi — anstataŭ respondi je mia protesto pro la ordono ne plu veni — alpuŝas min al la pordo:

— Nu, iru; mi venos al vi, kiam mi volos, sed nun foriru pli rapide!

En la sama tempo interesis min iu mia konato, juda studento el Rusujo, kiu duone asimiliĝis en Germanujo, Ŝvarcvald li nomiĝis. Li estis saĝa, tre inteligenta, sed havis malfortan lirikan karakteron; estis malriĉa, soleca, kaduka homo. Mi komencis lin pentri, multe laboris super lia portreto, sed mi neniel sukcesis kapti la bazan trajton de lia vizaĝo, kio ĝuste min ĉefe interesis. Ĝi estis malsana kaj malgrasa vizaĝo kun malplenaj vangoj, elŝoviĝinta buŝo kaj longa aglonazo, kiu per si mem eble ne estis malbela, sed el la malgrasa vizaĝo ĝi tiom pli evidentiĝis montrante sin superflua. Tamen la vizaĝo havis en si ion profunde simpatian, kiu altiris al si, posedis tion, kion mi ĝuste ne povis kapti kaj pentri. En la linioj de lia mandiblo, en la sulkoj ĉe la buŝo kuŝis ia subigiteco, senhelpeco, malespero ... ne, mi min ne ĝuste esprimas. Ĉio ĉi kuŝis en liaj grizaj profundaj kaj malĝojaj okuloj; en la linioj de l' vizaĝo ripozis io alia — sankteco? ankaŭ ne; pli precize: silentemo kaj trankvilemo; trankvilo de malviva vizaĝo. Sufiĉus, ke li fermu la okulojn kaj ĵetturnu la kapon malantaŭen, por ke malaperu de li ĉia postsigno pri vivo kaj movo kaj por ke ni estu certaj pri lia morto. La tuta homo aspektis kvazaŭ knedita de suferoj, sed ankaŭ tiuj ĉi suferoj ne plu vivis, ili kuŝis mortaj, rigidaj sur lia vizaĝo. Krome, nenia ombro de kolero, nenia signo de sarkasmo estis ekkonebla sur lia vizaĝo. Mi rakontis al Sonjo pri li, kaj ŝi venis por lin esplori, kiel indiĝenon el Ameriko. Ŝi venis, kiam mi laboris, li pozis por mi, ŝi lin ĉirkaŭrigardis de proksimo, perspektivo, profilo kaj de ĉiuj aliaj flankoj sen ia ĝeno, ne parolante kun li eĉ unu vorton, ĝis mi komencis pro tio honti. Mi bone konis Ŝvarcvald-on, sciis pri lia denaska fiero, kiun li elmontris ĉiam, malgraŭ sia boneco. Sonjo baldaŭ konsciiĝis pri tio kaj pretekste diris:

— Pardonu, sinjoro Ŝvarcvald, — ŝi ekparolis — ke mi permesas al mi vin tiele esplorrigardi. Tio ja estas mia naturo. Por mi ja ekzistas nenia objekto krom la linioj kaj la koloro. Ĉu ne vere?

Mi rimarkis, ke ŝi impresis lin iom; li eĉ ne intencis ofendiĝi, kaj afablece respondis:

— Vere; certe.

— Mi senĉese disputas kun li (ŝi montris al mia flanko). Li diras, ke vidi la liniojn kaj la koloron ne sufiĉas; oni devas peni senti la animon de la objekto. Ĉu tiel estas? Mi neniam ankoraŭ vidis animon, kaj ne scias, kio tio estas. Kiel mi ĝin sentu? Kio estas via opinio, sinjoro Ŝvarcvald? Li rakontis al mi, ke vi estas saĝa homo, kiu havas klarajn ideojn pri arto.

— Ho! — Ŝvarcvald ekparolis, — mi ne estas artisto, mi estas nur studento de filozofio; pri arto mi povas nur filozofadi; por artisto, filozofado estas afero superflua.

— Jen, tion ankaŭ mi aprobas, kaj tion mi ĝuste diras! pri nenio mi volas scii, mi volas vidi kaj pentri, vidi kaj pentri kaj nenion plu.

Mi komencis disputi:

— Oni devas havi koron, sentkapablon; oni ja devas havi ankaŭ inklinon al la objekto, kiun oni pentras; spiritan perspektivon ... kaj ni komencis disputadon laŭ nia kutima maniero.

Ŝvarcvald silentis, longe li ne miksiĝis en niajn dirojn, sed rigardis la junan pentristinon, kiu tiel arde ŝatas liniojn kaj kolorojn. Poste li pledis por ŝi:

— Vi duoble ne estas prava — li turnis sin al mi — unue pro tio, ke vi ŝatas disputi. La disputadon lasu por ni filozofoj, vi devas nur pentri. Due, rigardi aferon de ĝia arta flanko signifas rigardi ĝin kun koro kaj sentemo, kun spirita perspektivo, kun ĉio, kion vi mem nur volas. Vi disputas pri vortoj.

Ni komencis kune mediti pri mia pentrolaboro, ĝi al neniu plaĉis, al mi pli malmulte ol al ili ambaŭ. La sekvantan tagon mi denove komencis, sed ankaŭ tiam ne finis, mi ree lin provis pentri en nova pozo, sed sen ia bona rezulto.

## II.

Sonjo ofte vizitadis min dum mi laboris. Ŝvarcvald ofte venis kun mi al Sonjo kaj nun ni kune pasigis la vesperojn. Enuaj vesperoj ili estis, malrapide pasantaj, restigantaj poste ian malĝojeton kaj splenon. Li sidis silente. Ni hontis paroli, pri kio paroli? Filozofadi? Niaj ideoj lin ne inteseris. Li ilin aŭdis milfoje. Babili? Ankaŭ tio estis neebla; lia ĉeesto malbon-

# Ĉinaj poemoj

Tradukis: Saint Jules Zee

## Poemo

**Li-Po (701 - 762)**

*Ne forbalaebla estas lumo luna;*
*kaj neesprimebla la malĝoja kor'!*
*La rosgutoj perlas sur la vest' aŭtuna,*
*super la herbejo flugas jam fulgor'.*
*Al la sun' kaj lun' ekvenos ankaŭ fino,*
*kaj ĉiel' kaj ter' forvelkon ne evitos.*
*La cikado kantas sur la verda pino,*
*ĉu la maljuniĝon de la arb' ĝi vidos?*
*Ne estas mensog' la ŝtono de l' saĝuloj,*
*sed blinduloj vane faras serĉon pluan.*
*Kaj vi ĉiuj ja ne estas miljaruloj,*
*ne malofte vi priplendas morton fruan!*
*Drinku, poste en la jadan kruĉon saltu!*
*kaj vin tio enfermigu kaj bonfartu!*

## Kanto

**Ŭe Ĉuan (855 - 920)**

*La deksepan de l' monato kvara*
*(ĝi estas la hodiaŭa tag' lastjara),*
*kiam vi foriris,*
*larmon retenante mi kapklinis,*
*kaj honteme brovojn mi kuntiris.*

*Mia koro sangas en silento;*
*nur la sonĝo vin postsekvis nun!*
*Tion ja neniu sciis, krom la*
*surĉiela lun'.*

## Ĉe landlimo

**Ŝu Ŭen (Ĉirkaŭ 9-a jc.)**

*Nokta batalo sur San-Ken-Rivero:*
*multaj soldatoj iris senrevene.*
*Ankoraŭ vintraj vestoj kun letero*
*alvenas el la hejmo ĉi-matene!*

## Kanto de norda popolo

**(Ĉirkaŭ 6-a jc.)**

*Se oni havas volon esti kuraĝulo,*
*ĉu multajn kamaradojn li necese havas?*
*Ondtuŝe la paseroj flugas ĉiam pare,*
*dum aglo unuope tra l' ĉielo pafas!*

## Hejmenreveno

**Tu Fu (712—769)**

*En okcident', sub flame ruĝa nubo,*
*kliniĝas jam la sun' ĝis la eben',*
*antaŭ l' kaban' kverelas birda trupo:*
*jen, de l' vagant' milmejla, la alven'.*
*Mireg' tuthejma pri ĉeesto mia:*
*trankviliĝinte, ni salutas larme.*
*Migrante en malorda tempo tia,*
*dank' al bonŝanc' nur, mi revenas karne.*
*La ĉambro de najbaroj niaj plenas,*
*kunsenta larmo ĉiujn premas gorĝe.*
*Ĝis malfrunokte ni kandelon tenas,*
*sendormas, vidalvide — kvazaŭ sonĝe!*

---

humorigis min. Kvazaŭ la malespero rigardus el li, ian malgajecon de jam delonge ruiniĝitaj mondoj montris lia vizaĝo. En lia ĉeesto oni povis pensi kaj paroli nur pri unu afero: pri morto.

Dum tiuj enuigaj vesperoj mi esplore rigardis lian vizaĝon, meditis pri ĉiu linio, sulko, movo, mieno kaj tre rapide mi havis la okazon konstati sekreton: la mizera homo adoris Sonjon, avidis ŝin, enamiĝis al ŝi, enamiĝis esence per ĉiuj fortoj de sia malespero. Kiam ŝi parolis aŭ pliproksimiĝis al li, lia vizaĝo strange ŝanĝiĝis. Ŝajnis kvazaŭ la rigidaj suferoj disfandiĝis; ili fariĝis pli viglaj, rakontis terurajn korŝirajn historietojn kaj ion petis, petis. . . Ha kian vizaĝon li nun akiris! Kiel senhelpe malsana, kiel kompateme stulta lia vizaĝo nun aspektis: multfoje mi tion ne povis elteni kaj devis per la manoj kaŝi la okulojn. Kaj Sonjo — ŝi enuis, sentis sin malplezure, laca kaj apatia post tia vespero, tamen ŝi ne serĉis eliron por tute disiĝi de li, male: ŝi ĉiam petis, ke li venu, kaj riproĉis lian nevenadon, se tio okazis pli ofte, t. e. kiam li dum kelkaj tagoj ne vizitis ŝin.

— Diru al mi — ŝi ĉiam diris al mi post lia foriro — por kio vivas tia homo? — Mi silentis, sed ŝi persistis ĉiam, kvazaŭ temus pri mia vivo.

— Je nenio li kredas, nenion li amas kaj pri nenio li esperas! Ĉio estas por li egale! Lin interesas nek libroj, nek homoj, nek arto, nenio, sed tamen kiel li vivas? diru al mi, mi petas vin.

— Li vivas, ĉar li vivas, por kio mi aŭ vi vivas?

— Mi? — mi alte taksas la arton! — Ŝi elparolis tiujn ĉi vortojn kun tia fiero kaj certeco, kiuj povas konvinki la plej grandan skeptikulon. La artistino en ŝi tion respondis kaj brilis en ŝiaj okuloj.

— Eble, ankaŭ li amas iun. Oni ja ne povas scii — mi rimarkis mallonge.

Ŝi komprenis la aludon kaj sur ŝiaj lipoj anstataŭ respondo montriĝis kontenta rideto. Tio estis ŝia maniero ĉesigi interparolon: per aparta rideto, kiu kovris ŝian tutan vizaĝon, kiu rakontis pri profunda feliĉsento kaj senlima memenamiĝo.

Tiel pasis vesperoj post vesperoj. Ŝi enuis en lia ĉeesto kaj malgraŭ tio lin altiris invitante lin konstante. Al mi ŝi plendis pri la »nigra ombro« (tiel ŝi lin nomis), kiu mishumorigas ŝian animon kaj tamen ne ĉesis ekscitі liajn nervojn. Ŝi amuziĝis tenante lian manon; ŝi instigis lin, tuŝi ŝiajn muskolojn per siaj manoj, por konvinkiĝi kiel forta ŝi estas, ofte ŝi ekstaris, rekte, plenstature, rigide, evidentigante bone la brustojn, per kio ŝi volis aludi senvorte ŝian freŝecon kaj junecon. La mizera homo obeis al ŝi, kiel infano, en ĉio.

Foje, laborante super la portreto, — kvankam mi antaŭvidis la malsukceson ĉirilate — mian ĉambron eniris Sonjo; ŝi portis fokfelan blankan ĉapelon, estis ruĝa kaj la feraj glitiloj, kiujn ŝi havis en la manoj, akre sonis pro ŝiaj manmovoj. Ŝi kunportis kun si en la ĉambron la freŝecon kaj belecon de la frosta suna vintrotago, al kiu ŝi similis.

— Ŝvarcvald leviĝis, iris kelkajn paŝojn renkonte, salutis ŝin kontente kaj kuraĝe, tute ne laŭ sia kutima maniero; tio ĉi estis unu el la malsane viglaj momentoj, similaj al subita ekflagro de fajro, kiuj lin atakis de tempo al tempo. Li fariĝis pli vigla. . . gaja kiel novulo.

— Nu kio estas koncerne la portreton? — demandis Sonjo.



S. Ordynska *Sinjorino Chojecki*

— Nenio estos el ĝi — mi respondis.

— Permesu, mi provos; sidiĝu, Ŝvarcvald. — Ŝi dejetis de si la mantelon, prenis la krajonon kaj desegnis kelkajn liniojn, sed, malŀonge poste, tio ŝin ektedis kaj ŝi ĉesis labori.

— Tion mi ne povas fari — ŝi diris.

— Jes, desegnu min plu, mi vin petas — petis ŝin Ŝvarcvald. — Vi devas min desegni. Mi estas certa, ke al vi tio prosperos, al vi, nur al vi.

— De kie vi tion scias? — ŝi demandis simple.

— Mi scias, mi estas certa, mi tion sentas, desegnu min.

La naturo de Ŝvarcvald ne estis peti aŭ insisti, tial ŝajnis nun strange aŭdi lin parolanta en tiu tono.

— Nu, lasu min — Sonjo diris — mi ne povas desegni tiajn vizaĝojn.

— Kial?

— Ĉar ili ne estas belaj.

Ŝvarcvaldon tiu konciza respondo malagrable surprizis, kvankam li mem tion bone sciis. Kiomfoje li kun mi parolis mem kun granda ĉagrena malŝato pri sia ekstera malbela aspekto! Nun li paliĝis, lia voĉo subite ŝanĝiĝis, li sidis silente kaj afliktite, la rigidaj suferoj kuŝis morte sur lia vizaĝo.

Ni ĉiuj nin malbone sentis, kiam li adiaŭe salutis nin; Sonjo lin invitis al ŝi, ridetis, kokete kaj amindume okulumante al li, kvazaŭ nenio estus okazinta.

III.

»Dio forlasis Olimpon kaj venis min veki:

»Leviĝu, vi, dormemulo, vi, hontigita forkuranto de la vivo — vekiĝu! Kie estas via juneco? — forgesita. »Kie estas via feliĉo?« — forfluginta. »Kie estas via espero?« — formortinta. Leviĝu, leviĝu, malbonan sonĝon vi havis.

»El malproksima lando mi venis, malgajulo! el lando, kie la fonto de l' vivo muĝis kaj ŝprucis en antikvaj tempoj; el la lando de eterna beleco, mi venis vin veki: leviĝu!

»Nova tago naskiĝas oriente: nova lumo verŝiĝas tra valoj kaj montoj, arbaroj kaj kampoj, kun oraj randoj ornamitaj tiriĝas nuboj sur la ĉielo por heroldi al la mondo kaj al vi — la malbona sonĝo pasis, vekiĝu! »La matenaero estas plena de freŝaj aromoj; mildaj ventoj blovas kaj vekas ĉiun herberon kaj floreton: leviĝu! vekiĝu! klaraj voĉoj de sonoriloj tremas en la aero; kaj tiom pli hela fariĝas la nova lumo, la suno disŝiras ĝian purpuran vualon kaj eliĝas freŝa kaj juna. Vekiĝu, dormemulo, veku viajn malbonajn kaj bonajn sentojn, veku viajn esperojn — la tempo alvenis, leviĝu!

— Kio vekiĝas en mi? — via preterdorminta juneco. — Kial bolas mia sango? — Ĝi deziras feliĉon kaj amon. — Kio tromp-ravis miajn okulojn? — »Via vekiĝinta espero«. »Leviĝu!«

»Deŝirita estas la nigra vualo de viaj okuloj kaj forpelita estas la ombro de l' morto, vivon kaj ĝojon mi verŝas en viajn membrojn, mi, la dio de amo! Leviĝu!«

Tiu ĉi versaĵo skribita en germanaj heksametroj nomiĝis »La Leviĝo«. Ŝvarcvald hontmiene ĝin al mi transdonis.

— Prenu kaj tralegu, se vi ne enuos, — li diris. Mi ĝin tralegis kaj poste lin rigardis.

— Nu, kial vi min rigardas? La versaĵo plaĉis al vi?

— Jes, certe, klasika, kiel decas por filozofo. Sed, pardonu, vi estas, ŝajnas al mi, enamiĝinta? Ĉu ne?

— Li iom hezitis kaj diris ridete:

— Se jes, nu kio?

— Nenio. — Li trapromenis kelkfoje la ĉambron. Estis konstateble, ke li ion volas paroli kun mi. Li estis vigla, liaj okuloj brilis, subite li sin turnis al mi:

— Vi scias, verŝajne, al kiu?

— Certe; ĉiuokaze ŝi estas inda je tio.

— Ĉu vi estas sincera homo? Ĉu vi neniam mensogas?

— Ŝajnas.

— Se tiel estas, mi volas, ke vi diru al mi la veron, ĉu vi estas ĵaluza? Mi volas tion scii.

— Kion vi diras, Ŝvarcvald? Tio eĉ ne venas en mian kapon. Mi certigas vin, ke mi ne estas ĵaluza. Miaj rilatoj al Sonjo estas tute seriozaj; unue, ni estas kiel du liberaj birdoj, due, kion mi diru al vi . . . Mi ne sukcesis elparoli la penson, ke al la sana instinkto de Sonjo oni povas fidi, ĉar mi haltis ne finante la frazon; tion li ne rimarkis, li intencis konfide malkaŝi al mi ĉion.

— Vi estas bona homo, mi vin vere amas, vi scias: mi estas enamiĝinta, enamiĝinta jen ĝis kie (li montris la kolon). Mi neniam spertis tiun senton. Mi povas pri nenio pensi, pri nenio paroli, nur pri ŝi. Mi ne kapablas vivi sen la penso pri ŝi, mia sango ĉesus cirkuli en miaj vejnoj sen tiu penso . . . Vi eble diros, ke mi estas stulta, ke mi estas freneza, vi ne komprenas, vi ne povas tion ĉi kompreni. Vi ne scias kio estas



S. Ordynska *Sro Chojecki*

# LAŬ PROFITA EDZIĜO

## Romano en du partoj

**— A. P. ĈEHOV —**

PARTO UNUA.

En la domo de vidvino Mymrin, ĉe la interstrato de Kvin Hundoj, okazas edziĝfestena vespermanĝo. Ĉe la tablo sidas dudektri personoj, el kiuj ok nenion manĝas, sentas sin ebridormemaj kaj lamentas pro naŭzo. Kandeloj, lampoj kaj lustro sen brako, luprenita el drinkejo, lumas tiel hele, ke unu el la gastoj sidantaj ĉe la tablo, telegrafisto, kokete duonfermetas la okulojn kaj ĉiuminute komencas paroli pri elektrolumo — nek al teksto, nek al preteksto. Por tiu lumo kaj ĝenerale por elektro li promesas brilan estontecon, tamen la manĝantoj aŭskultas liajn parolojn kun ia malrespekto.

— Elektro... — balbutas la anstataŭpatro, stulte fiksante la rigardon al la telero. — Laŭ mia opinio la elektra lumo estas nura friponaĵo. Per enŝovita karbopeceto oni nur blufas. Ne, fratulo, se vi donas al mi lumon, do donu ne karbopeceton, sed ion esencan, ion bruligan, palpeblan! Vi donu al mi fajron — ĉu komprenite? — fajron naturan, sed ne mensan.

— Se vi vidus elektran baterion kaj tion, el kio ĝi konsistas, — diras afektante la telegrafisto, — vi rezonadus alie.

— Sed mi ne deziras vidi. Friponaĵo... Oni trompas simplulojn... la lastajn sukojn elpremas. Ni ja konas ilin, ĉi tiujn... Kaj vi, sinjoro fraŭlo — mi ne havas la honoron koni vian bapto- kaj patronomon, — prefere ol pledi por la friponaĵo, drinku kaj verŝu al la aliaj.

— Mi plene konsentas kun vi, paĉjo, — diras per raŭka tenoro fianĉo Aplombov, juna homo, havanta longan kolon kaj hirtajn harojn. — Por kio komenci sciencajn konversaciojn? Mi mem ne evitas paroli iomete pri ĉiuspecaj eltrovoj en scienca senco, sed por tio ni ja povas trovi pli konvenan tempon! Kia estas via opinio, maŝér*)? — turnas sin la fianĉo al la apude sidanta fianĉino.

Fianĉino Danjo, kies vizaĝo montras ĉiujn virtojn, krom unu — konjektemo, ruĝiĝas kaj diras:

— Li volas elmontri la instruitecon kaj ĉiam parolas pri nekompreneblaĵoj.

— Dank' al Dio, ni pasigis la vivon ne instruitaj kaj jen — ni danku Dion — jam la trian filinon ni edzinigas al bona homo, — ekparolas ĉe l' kontraŭa rando de la tablo la patrino de Danjo, ĝemspirante kaj sin turnante al la telegrafisto. — Kaj se ni estas ne instruitaj laŭ via opinio, do kial vi vizitas nin? Prefere iru al instruituloj!

Ekregas silento. La telegrafisto estas konfuzita. Li tute ne atendis, ke la konversacio pri elektro tiel strange aliformiĝos. La estiĝinta silento havas malamikecan karakteron, ŝajnas al li simptomo de ĉies malkontento, kaj tial li opinias necesa sin pravigi.

— Mi ĉiam estimis vian familion, Tatiana Petrovna, — li diras, — kaj kio koncernas la elektrolumon, do tio tute ne signifas, ke mi estas fiera. Jen, mi eĉ estas preta drinketi ... Mi ĉiam tutkore deziris ke Daria Johanovna ricevu bonan fianĉon. Niatempe, Tatiana Petrovna, estas malfacile edziniĝi al bona homo. Nun ĉiu celas edziĝi pro profito, pro mono...

— Tio estas aludo! — diras la fianĉo, purpuriĝante kaj intense palpebrumante.

— Sed neniam aludon mi faris, — diras la telegrafisto, ektiminte iomete. — Mi ne parolas pri la ĉeestantoj. Mi diris nur... ĝenerale... Pripensu do! Ĉiuj ja scias, ke vi edziĝas pro amo... La doto estas bagatela...

— Ne, ĝi ne estas bagatela! — ofendiĝas la patrino de Danjo. — Parolu, sinjoro, sed ne diru absurdaĵon! Krom mil rubloj ni donas tri vatajn mantelojn, litaĵon kaj ĉi tiun tutan meblaron! Do sukcesu trovi aliloke tielan doton!

— Mi ne kontraŭdiras... Certe, la meblaro estas bona... Sed mi diris ja tion nur, ĉar li ofendiĝis, kvazaŭ mi estus aludinta.

— Kaj vi ne aludu, — diras la patrino de la fianĉino. — Ni respektas vin pro viaj gepatroj, invitis vin al la edziĝfesteno, kaj vi parolas nekonvenajn vortojn... Kaj se vi sciis, ke Georgo Teodoroviĉ edziĝas pro la profito, do kial vi antaŭe silentis? Vi devus veni al ni kaj diri parence: tiel la afero ja statas, lin la profito allogas... Kaj vi, karulo, kiel vi agas! — sin turnas la patrino de la fianĉino al la fianĉo, palpebrumante larmeme. Ja mi mam- kaj pannutris ŝin... gardis ŝin pli ol diamanton la plej karan, mian filineton, kaj vi... vi celas la profiton...

— Kaj vi ekkredis la kalumnion? — diras Aplombov, detabliĝante kaj nervoze pinĉante la hirtajn harojn. — Mi plej humile dankas vin! Mersí*) por tia opinio! Kaj vi, sinjoro Blínĉikov, — li turnas sin al la telegrafisto, — kvankam vi estas mia konato, tamen mi ne permesos al vi fari tielajn aĉaĵojn en la malpropra domo! Permesu al mi, ke vi iru for!**)

— Sed kial?

— Permesu al mi, ke vi iru for! Mi deziras, ke vi estu same honesta homo kiel mi! Unuvorte, permesu al mi, ke vi iru for!

— Nu, lasu tion! Ĉesigu! — retenas la fianĉon liaj amikoj. — Ĉu indas? Sidiĝu! Lasu!

— Ne, mi volas montri, ke li havas nenian rajton! Mi pro la amo edziĝas laŭleĝe. Do kial vi sidas, mi ne komprenas! Permesu al mi, ke vi iru for!

— Mi nenion... mi ja... — diras la konsternita telegrafisto detabliĝante. — Mi eĉ ne komprenas... Konsentite, mi foriros... Sed antaŭe redonu al mi la tri rublojn, kiujn vi prunteprenis de mi por la pikea veŝto.

*) Franca »ma chère« — mia kara. Noto de l' trad.

*) Franca »merci« — dankon: Noto de l' trad.

**) Specifa por afektarta malklerulo esprimo, signifanta: bonvolu iri for! Noto de l' trad.

---

apatio, la malviva ekzisto, sen intereso, ĝojo, ravo, espero; ĉu mi iluziiĝas? Bone! mi nenion alian volas ol esti iluziita. Mi volas havi mian iluzion. Mi plu ne povas elteni mian apation, tiel oni ne povas longe vivi...

Li adiaŭis min kaj iris hejmen. Lia vizaĝo estis nervoza, en la okuloj brilis mania fajro, entute li impresis min duonfreneza.

— Nu, al vi oni devas gratuli, okaze de via nova sukceso — mi diris al Sonjo la saman tagon — Ŝvarcvald vin ĝismorte amas. Jen legu.

Mi transdonis al ŝi la versaĵon, kiun Ŝvarcvald estis al mi doninta. Ŝi legis kaj poste diris, ke ĝi ne plaĉas al ŝi.

— Sed vi superregis novan koron, estu fiera — mi diris riproĉeme.

— Vi eble estas ĵaluza? Ne timu, mi ja ankoraŭ estas libera.

— Kiel vi ne hontas tion diri? Mi — ĵaluza! kaj pro kiu?

Laŭte ekridante ŝi demandis.

— Ĉu li efektive min amas? Vi nur eble tiel supozas?

— Nenia supozo. Li vin amas ĝismorte.

Ŝi nenion respondis. Sur ŝiaj lipoj ludis rideto — ŝia rideto.

*(Daŭrigota)*  El la juda: *S. Guterman*

# PRINTEMPO FURIOZAS

## (OCUJA KOROŜI)

— JUN'IĈIRO TANIZAKI —

PARTO III.

La sekvantan tagon li razis sin kaj forigis la pentritajn vizaĝmakuletojn en la banejo. Li aspektis nun bele kaj pureme kiel antaŭe. Kvankam unu fojon makulis neforviŝeble lian koron la teruraj krimoj, tamen liaj okuloj ankoraŭ nun brilis sincere kaj malkaŝeme, kiel tiuj de infanoj, kaj liaj freŝkoloraj, rondaj vangoj neniom perdis sian vivecon. Kaj nun oni povis supozi eĉ okazon, — kvankam ĝi ŝajnis veni neniam, — ke Ŝinsuke foje renkontos la boatiston Seiji, kaj Seiji malhoneste atakos lin pro timo, ke li malkovros lian krimon; — tio estis la penso de Kinzoo. Do, estis arangite, ke la junulo iru el la domo per palankeno ĉirkaŭ la vesperiĝo, kiam la sinmontro de homo ne tiel altiras ĝeneralan atenton. Kaj ĉu ne fariĝos la lasta sur tiu ĉi tero — lia hodiaŭa renkonto kun ŝi?

»Do, mi devas diri al vi adiaŭ. Elkoran dankon pro via longa zorgemo,« diris Ŝinsuke per emocia voĉo, metante la manojn sube, kiam proksimiĝis la tempo de adiaŭo.

»Nun povas esti la lasta fojo, ke ni vidas unu la alian. Se vi certiĝos al vi, ke la knabino Somekiĉi estas via Cunjo, vi ne bezonas ĝeni vin veni al mi denove. Vin turnu rekte al la oficialulo tuj morgaŭ. Tio ja estos por vi tre malfacila, — mi scias, — sed, se vi restos ĉe ŝi du aŭ pli da tagoj, vi jam perdos la korstreĉon. Se vi nur estos fidela al via vorto, vi povas lasi al mi ĉion kaj esti trankvila ankaŭ pri via maljuna patro, ĉar mi zorgos lin bone.«

Konsiderante la fidindajn agojn kaj konduton, kiujn montris la junulo, de kiam li venis sub lian ŝirmon, Kinzoo firme kredis, ke li nun povas tute trankvile lasi lin libera, eĉ ne timante pri lia ebla forkuro. Tamen li sentis necertan maltrankvilon, ke li, movite de Cuja, povus sin mortigi pro amo kune kun ŝi. Li do provis lin per demando —

»Kion vi intencas fari pri Cunjo, se vi vidos ŝin?«

»Mi konvinkos ŝin forlasi la nunan situacion,« lia respondo estis tuja kaj klara, verŝajne pro lia firma decido. »Mi zorgos, tiel, ke ŝi revenos al sia gepatra domo.«

»Bone dirite!« ĝojis Kinzoo. »Nun mi trovas vin bona kaj honesta kiel antaŭe.« Kaj li elprenis paketon da mono kaj metis ĝin antaŭ Ŝinsuke, kiel adiaŭan donacon. Ŝinsuke rifuzis ĝin akcepti dirante, ke li ne bezonas ĝin por sia celo, ĉar li havas ŝparitan monon dank' al la negoco dum la lastaj kvar monatoj. Kun tuja konsento Kinzoo reprenis la paketon. Li sentis, ke estos pli bone por la junulo ne posedi monon pli ol necesan.

En tiu vespero, malforta vento blovis alportante neagrablan varmon de la sudo, kaj, en la lunlumo venanta tra la gaza nebulo, la vizaĝo de ĉiuj pasantoj sur la strato aspektis iom blanke, kiel la magnolia floro donanta delikatan bonodoron, — estis unu el la vesperoj, kiujn prezenti povas nur printempomezo. La palankeno de Ŝinsuke kuris rekte tra la Takabaŝi-linio al Kuroe-ĉoo, sin turnis maldekstren antaŭ la pordego de la sanktejo Haĉiman, kaj atingis la vestiblon de la restoracio Obana-ja. Por li estis la unua fojo viziti restoracion en tia loko, la koro de gajkvartalo.

Oni akceptis lin tre afable kaj zorge kiel »la gast-

---

Mi nur eldrinkos glaseton da vino kaj... foriros, nur antaŭe redonu la prunton.

La fianĉo longe interflustras kun siaj amikoj. Tiuj lastaj donas al li pomalgrande tri rublojn. li jetas indigne la monon al la telegrafisto, kaj ĉi-tiu lasta, post longa serĉado de sia uniforma kasketo, riverencas kaj foriras.

Tiel povas finiĝi kelkiam la senpretenda konversacio pri elektro. Sed jen finiĝas la vespermanĝo... Noktiĝas. La bonedukita aŭtoro bridas sian fantazion kaj vestas la kurantajn okazajojn per la malluma vualo de mistero.

La rozfingra Aŭroro trovas Himenon ankoraŭ ĉe la interstrato de Kvin Hundoj, sed jen venas griza mateno kaj donas al la aŭtoro riĉan materialon por la

PARTO DUA KAJ LASTA.

Griza aŭtuna mateno. Estas antaŭ la oka, sed en la interstrato de Kvin Hundoj regas eksterordinara tumulto. Sur la trotuaroj kuradas konfuzitaj policanoj kaj kortistoj; ĉe l' pordegoj ariĝas frostotremantaj kuiristinoj, kies vizaĝoj montras ekstreman malkomprenon... El ĉiuj fenestroj rigardas loĝantoj. El la malfermita fenestro de tolajlavejo rigardas virinaj kapoj, premante unu la alian per la tempioj kaj mentonoj.

— Ĉu neĝas, ĉu... ne eblas kompreni, kio ĝi estas, — aŭdiĝas voĉoj.

En la aero inter la tero kaj tegmentoj flugas io blanka, tre similanta neĝon. La pavimo estas blanka, stratoj lanternoj, tegmentoj, la benkoj de kortistoj ĉe la pordegoj, la ŝultroj kaj ĉapoj de la pasantoj- ĉio estas blanka.

— Kio okazis? — demandas lavistinoj kurantajn kortistojn.

Tiuj lastaj anstataŭ respondo svingas la manojn kaj kuras plue... Ili mem ne scias, kio okazis. Sed jen, malrapide pasas kortisto kaj gestas per la manoj, parolante al si mem. Estas evidente, ke li vizitis la agadlokon kaj ĉion scias.

— Kio okazis, karulo? — demandas lin la lavistinoj ĉe la fenestro.

— Malplezuro, — li respondas. — En la domo de Mymrin, kie estis la geedziĝo hieraŭ, oni kalkultrompis la fianĉon. Anstataŭ mil rubloj oni donis naŭcent.

— Nu, kaj li?

— Li ekkoleris. Mi... jen kiel, li diras. Ekkolerinte li malkudris kusenegon kaj lasis flugi la lanugon tra fenestro. Jen kiom da lanugo! Kvazaŭ neĝo!

— Oni kondukas! — aŭdiĝas voĉoj. — Oni kondukas!

De la domo de vidvino Mymrin marŝas la procesio. Antaŭe iras du policanoj kun zorgoplenaj vizaĝoj... Post ili paŝas Aplombov vestita per trikota palto kaj cilindra ĉapelo. Sur lia vizaĝo estas skribite: »Mi estas honesta homo, sed mi ne lasas min trompi!«

— La justeco baldaŭ montros al vi, kia homo mi estas! — li murmuras ofte retrorigardante.

Post li iras la plorantaj Tatiana Petrovna kaj Danjo. La defiladon finas la kortisto kaj aro da buboj.

— Pri kio vi ploras, junedzino? — alparolas Danjon lavistinoj.

— La kusenegon ŝi bedaŭras! — respondas la patrino. Tri pudojn*) ĝi pezas, karulinoj! Kaj kia lanugo ja estis! Lanugero de lanugero apartiĝis — eĉ unu plumo ne enestis! Dio min punis en la maljuna aĝo!

La procesio ĉirkaŭiras la angulon kaj la interstrato de Kvin Hundoj trankviliĝas. La lanugo flugas ĝis la vespero.

El la rusa: *Mik. Davydov.*

*) Pudo = malnova rusa mezuro de pezo egalas 16.38 kg. Noto de l' trad.

## Cetero

– Georges E. Maura –

*Kun tago leviĝinte, mi rigardas*
*la vekiĝantan landon tra l' fenestro;*
*maloftaj bruoj sin aŭdigas: frapo*
*pedanta de la pluvo sur la frondoj,*
*dislokaj krioj de l' sonoraj kokoj,*
*kaj, pase, tinto de l' preĝej-horloĝo.*
*Fronte al mi, piceoj verde kovras*
*deklivojn de l' ĉirkaŭaj montoj, krom*
*taĉmento da abioj nigraj, kiuj*
*descendas kojne ĝis la riverbordo,*
*kvazaŭ giganta greg' da praaj uroj*
*forpuŝus de l' trinkej' timemajn brutojn.*
*Matena vent' frostigas sube l' akvon.*
*Kaj antaŭ tiu ĉi pejzaĝo freŝa,*
*dube vualita de l' falanta pluvo,*
*medite lasas mi l' okulojn vagi . . .*
*Kial ne apudestas vi, ho kara,*
*ĉe la fenestro, apogita al mi*
*kun kap' sur mia ŝultro, kaj la brako*
*ameme ĉirkaŭ mia kol'? Ni vidus*
*simile, post amplena nokt', la sunon*
*distrui nubojn per radiaj pingloj,*
*ni sentus ankaŭ kuri venton viglan*
*tra niaj haroj, kaj pluverojn, gliti*
*laŭ vangoj, kiel larmoj senamaraj.*
*Ni ĝuus plene ĝojon de l' naturo*
*senarte malvolvanta siajn belojn*
*ĉe la unuaj kisoj de la suno;*
*kaj naĝus ĉirkaŭ ni odor' de amo,*
*ĉi penetranta, korŝancela spiro,*
*kiu elŝvebas el amantaj paroj . . .*
*Mi lasas min tradrivi laŭ ĉi revo,*
*mi sentas varmon de l' amata karno,*
*elastan flekson de la korp' konata,*
*neforgesitan tonon de la rido*
*amika . . . Vane. Sola restas mi,*
*tutsola en la frida mateniĝo;*
*kaj por mildigi tiun elreviĝon,*
*por trompi lasitecon, nun mi skribas*
*al vi malgajajn tiujn pensojn, antaŭ*
*la suno leviĝanta en lazuro.*

---

on senditan de la mastro de Narihira-ĉoo,« kaj kondukis lin al sufiĉe vasta ĉambro for de la vojo. En la profunda foliaro de la ĝardeno vidiĝis lanterno, kies lumo flagradis malantaŭ la paperŝirmilo kun latkrado. Li preskaŭ ne povis kredi, ke en la mezo de tiel bruemaj gajo kaj plezuro sin trovas loko de tiel izolita paco kaj de tiel rafinita gusto.

»Mi volas vidi knabinon, Somekiĉi ŝi nomiĝas, kaj volas neniun alian,« li petis la servistinon kun tono tiel necedema kaj insista, ke oni eĉ emis aŭdi ĝin kiel ŝercon. Oni povis lin rigardi homo tre memfida pri sia glacieco, kaj do veninta por venki la knabinon famekonatan pro sia seksa pasio, intence en simpla vesto por fari la ambatalon tiom pli romantika kaj gustoplena.

Neoportuna kaj peza tempo pasis por Ŝinsuke, dum li sidis apogante la dorson al la alkovpilono, kiam fine malfermiĝis la pordo tuj malantaŭ li. Gracie kaj delikate klinante la kapon ornamitan per ellaborita hararanĝo, envenis — Somekiĝi; ŝi estis neniu alia ol la knabino serĉata. En tiu vespero ŝi portis veston el striita blua krepo sur la subrobo el silko bele kolorpunktita sur blubruna fono, kaj larĝan zonon el nigra atlaso kun flordesegno peze brodita per orfadenoj, montrante sube, ĉe ĉiu paŝo, la franĝon de belkolora subjupo, kaj intence tualetite tute simple. Jen ŝanĝiĝo al okulfrapa brilego, konvena al knabino konata kiel la sensaciajo de la loko.

Post rapida ekrigardo al la dorso de la viro, Cuja jam montris agitiĝon, farante frapetbruon per siaj nudaj piedoj, kvazaŭ ili algluiĝus ĉe ĉiu paŝo al la freŝkolora mato sur la planko, kaj ĉirkaŭveninte antaŭen, vizaĝ-al-vizaĝe kun la viro, ŝi donis mallaŭtan, sed akran ekkrion de feliĉego. Momenton ŝia vizaĝo perdis la koloron pro la tro neatendita korskuego de feliĉo, sed, en la sekva momento, ŝi ĵetsidiĝis tuj antaŭ la viron, preskaŭ sur liajn genuojn.

»Ho, kia feliĉo revidi vin sana!« ŝi diris, forte premante liajn genuojn per siaj manoj, kiam ŝi plene elmontris sian ĝojon. »Kiel mi deziris vin revidi! Ho, kiel mi sopiris vin!«

»Morgaŭa tago jam ne ekzistas por mi, — kaj la knabino, tiu ĉi knabino!« — emocio tiam ekflamis en lia koro. Li eksentis frenezan deziron en sia koro — vivi — vivi.

Estis longa rakonto, de kiam ili apartiĝis unu de la alia, ĉe la fino de tiu neforgesebla tago, la dudeka de Decembro; — kaj ŝi la unua komencis rakonti. En la sama vespero, baldaŭ post kiam Ŝinsuke foriris, la boatistedzino donis vesperan forpermeson al ĉiuj domanoj, dirante, ke ne restas laboro por la vespero, kaj ĉiujn servistinojn kaj dungitojn ŝi forsendis ien sub tia pretekstо. La edzino kaj Cuja, lasitaj solaj en la domo, babiladis; tiam, komenciĝis tiu pluvego. En la mezo de tiu verŝego, Seiĵi revenis hejmen tre ebria, akompanate de du-tri nekonatoj. Senvorte, senavarte li ŝnurligis ŝiajn manojn kaj piedojn, enpuŝis ŝin en palankenon kaj forportis al la domo de Tokubei en Suna-mura. Ĉio nedubeble estis antaŭarangita; tie jam atendis aro da sovaĝuloj, — kvin aŭ pli da kanajloj, kune kun Tokubei mem, — videble kun celo havi interesan tempon per tio. Oni eltiris ŝin en la mezon de tiuj viroj, sidantaj ronde por fari festenon, kaj ili mokis ŝin, aŭ per ŝi petolis. Pri sia vivo, tamen, ŝi tute ne timis, ĉar preskaŭ ĉiuj tiuj viroj avidis ŝin kun neesprimata deziro, ŝi sentis. La plejmalbono, kion ili faros do, estos forvendi ŝin al malĉastejo post vanaj provoj akiri ŝian koron; ili ne vundos, kion ili taksis tre kara. Ĉe tia rezono, ŝi sentis sin fizike protektata kaj akceptis la situacion tre maltime. Ili ofte minacis ŝin per morto, sed ŝi eĉ ne tremis, nek cedis. Ŝi nur tre zorgis pri Ŝinsuke, al kiu ŝia koro sopiris kaj ŝi povis dormi nek tage, nek nokte.

Fine, kiel ŝi jam antaŭe pensis, la boatisto Seiĵi ŝin lokis — preskaŭ malliberigis — en ĉambron pro klara kialo, ke li povu veni tien ĉiutage.

»Mi enamiĝis al vi jam de longe,« li konfesis. »Fakte estis parto de mia plano, ke mi inspiris al Ŝinsuke la ideon forkuri kun vi. Kian ajn krimon mi plenumis, ĉion mi faris nur pro deziro vin akiri. Imagu do mian koron, kaj estu mia knabino, mi petas. Konsentu, kaj ĉio, kion vi deziras, estos via!«

## *Penseroj*

— *Amado Nervo* —

Nenion faru por reteni virinon, kiu foriras aŭ birdon kiu forflugas. Lasu plenumiĝi la destinon.

*

Kio nin suferigas, tio neniam estas malgravaĵo... ĉar ĝi igas nin suferi.

*

Por kredigi al la aliaj, ke vi kaplis realigi bonan kaj malprofiteman agon, la plej bona metodo estas diri al ili, ke »en la fundo vi faris tion pro egoismo«. Eĉ la nura ideo, ke iu efektivigis la bonon por la bono, humiligas, ĝenas, skandalas la ceterulojn.

*

*Rakontaĵo.* Iam ekzistis lando, en kiu la homoj havis tiajn korpojn, ke ili povis morti kelkajn fojojn, reviviĝante, se oni streĉis certajn risortojn, kiujn, kvazaŭ horloĝoj, ili posedis. Tion sciante, ili ĉiam penis gajni la amon de la siaj, por ke ĉi tiuj ilin revivigu ĝustatempe; sed, eĉ tiel, la riĉulidoj kutime ne streĉis la risortojn de siaj mortintaj patroj.

*

La vento ne scias, kiom granda estas la dankemo, kiun al ĝi sentas la ĉastulinoj, kies kruroj estas sveltbelaj.

*

Ĉiuj aĵoj alvenas, kaŭzas al ni domaĝon.. kaj foriras.

*

La riĉulo petas de vi servon, kaj ankoraŭ pretendas, ke vi lin danku.

*

Kiam ni fine havas nenion, ni komencas kompreni, ke nenio estas al ni necesa.

La dioj ne ŝatas inteligentulojn. Kiam la dioj penis efektivigi ion grandan en la mondo, ili utiligis al si ĉiam simplajn kaj energiajn animojn, kiuj ne perdas la tempon per diskutado kaj trorezonado.

*

Eble la vivo estas nur malsano; la malsano, kiun pro eterna nekomprenebla fato, suferas la dio, kiu en ni enkarniĝis.

(Kritono! Ne forgesu oferi kokon al Eskulapo.)

*

La lirika poezio estas la vera voĉo de la animo. Ĝi ekzistas, de kiam la animo al si mem malkovriĝis kaj kapablis sin elmontri. Ĝi estas la doloresprimo de la animo, kiu prilamentas la maldaŭremon de la objektoj, la efemerecon de la amo, la pasemon de la vivo, la enabismiĝon de ĉio, kio ĉirkaŭas ĝin, kiu estas eterna.

*

Por scii, kiu vi estas, estas necese morti.

*

Por esti pesimisto, sufiĉas direkti suprajan rigardon al la aĵoj; la kontrasto inter lumo kaj ombro (pli da ombro ol lumo) tuj sin malkaŝas, eĉ al la plej malsagacaj intelektoj. Male, por esti optimisto, oni bezonas tre profundan kaj pripenseman penetradon en la faktojn: nepraĵo por tio estas esplori en la internaĵoj de la vivo kaj malkaŝi ĝian mirindan logikon.

*

La malriĉeco estas la plej mirinda vidpunkto.

*

Ni estas mastroj de niaj agoj kaj movoj, same kiel la rozaria globeto aŭ la ĉina monero, kiuj mastras siajn irojn kaj revenojn... laŭ la longo de sia fadeno.

El la hispana: *Domingo Diaz-Ambrona*

---

Al ŝia demando pri la esto de Ŝinsuke, tamen, li neniam volis doni klaran respondon. »Ho, la junulo? — pli bone por vi estos lin forgesi,« li diris kelkfoje. »Mi resendis lin al liaj gepatroj nur antaŭ kelkaj tagoj.« Ne necese ja diri, tio estis mensogo. Estis certe, ke la boatisto nur ŝajnigis sin penanta por ilia afero kaj efektive eĉ ne turnis sin al ambaŭ gepatroj — eĉ ne unu fojon dum la tuta tempo, de kiam li akceptis la gejunulojn sub sia tegmento. Cuja antaŭe konkludis, ke oni jam certe mortigis Ŝinsuke-n, kaj tamen al ŝi ankoraŭ ne estis tiel facile forgesi lin por ĉiam.

Tiu ĉi malliberigo daŭris sufiĉe longan tempon, de la dudeka de Decembro proksimume ĝis Februaro. Pacienca kaj persista estis la boatisto, sed tiel same obstina estis ŝi, kaj volis cedi nek al minaco, nek al flato. Ŝi ne liberiĝis de tiu ĉi stato, ĝis Tokubei, vidanta la tutan aferon, fine movite propetis por ŝi, kaj eble konvinkis la boatiston, ke estos pli saĝe agi al ŝi alimaniere, ol nur vane turmenti. Nun metite sub severa observo, ŝi jen laboris kiel servistino, jen aŭdis flataĵojn amemajn, sed por ŝi naŭzajn. Seiĵi aplikis novan taktikon kaj penis kiel eble plej mildigi ŝian koron per bonkoraĵoj.

Tokubei estis homo ĉirkaŭe samaĝa kun Seiĵi, sed supozeble kapabla je pli profunda ruzo kaj plano; sub ĉiam dolĉa mieno, li neniam permesis al si montri malordan aŭ realan memon. Estis fakte, ke sub okaza observo oni povis lin preni homo kun bonaj sento kaj koro. Li metis sin inter Seiĵi kaj Cuja, kun diferenca ario por ĉiu parto, kiam li intencis igi ŝin aŭ lin danci laŭ tio. Tokubei estis precipe atenta dezirante utiligi momentojn por ruze impresi ŝian koron per siaj bonkoraĵoj, kiuj estis malkaraj same, kiel la motivo estis malnobla. »Do, ankaŭ tiu ĉi havas inklinon al mi!« Rapide Cuja perceptis tion kaj komencis ŝajnigi, kvazaŭ ŝi apogus sin al lia kreskanta bonkoreco, — por laŭeble forigi de li la gardemon, — por igi lin pli senŝirma, kiam ŝi atakos lin poste. En ĉiu momento ŝi deziris forkuri de Suna-mura kaj serĉi la amaton.

Iun vesperon, kiam ŝi servadis lin — karesante lian humoron — per alkoholaĵoj, ŝi diris duone en demando, duone en monologo: »Mi jam rezignis efektive ĉion pri Ŝinsuke; sed mi scivolas, kio fariĝis al li.« Ĉe tio, je ŝia vere granda surprizo, Tokubei elbuŝigis rakonton, kiu donis al ŝi teruran aludon pri la sekreto, perfekte kaŝita de ŝi ĝis tiam. Ke en tiu vespero Seiĵi ordonis al sia fidela Santa mortigi Ŝinsuke'n sur la riverborda vojo; ke la sama Santa pro ia kaŭzo prenis al si novan ideon post la murdo kaj premmortigis la boatistoedzinon por forkuri kun ilia mono; ke poste Seiĵi prenis al si trian edzinon; — ĉio ĉi, rakontita de Tokubei, kvankam ne kiel certa informo, ŝajnis tute vera laŭ la cirkonstancoj de l' afero. Cuja sentis sin veninta ĝis la loko, kie ŝi devas nun forlasi ĉiujn esperojn pri Ŝinsuke. De tiam ŝi firme decidis, diris Cuja, venĝi sin iel — iam — kontraŭ Seiĵi pro la homo perdita por ŝi eterne.

(*Daŭrigota*) El la japana: *J. Ŝimomura.*

# La nederlanda literaturo

— Joh. Hartog —

Dum la tempo de Karolo la Granda (800) oni ankoraŭ ne povis paroli pri la nederlandanoj; frisoj, frankoj kaj saksoj loĝis en niaj regionoj, el kies intermiksiĝoj nur poste iom post iom estiĝis la nederlanda popolo. Kelkaj skribajoj en la dialektoj de l' nomitaj popoloj postrestis al ni. Ĉirkaŭ la transira tempo de la 12-a en la 13-an jarcenton precipe en la pli suda parto (la nuna Belgujo) pli kaj pli ekfloris la komerco kaj de tiam oni ekvidas strebadon al pli granda unueco en la lingvo. Ĉi tiun lingvon oni nomis »dits« (ned.: dietsch), t. e. »de la dit« (*dit* signifas: popolo). Ĉi tiun nomon oni konservis dum pluraj jarcentoj; efektive nur en la 19-a jarcento oni oficiale nomis la lingvon: nederlanda lingvo. La nomo »holanda lingvo« ofta en eksterlando estas tute erara, ĉar Holando nur estas tre malgranda parto de Nederlando. Kompreneble oni povas rimarki multajn ŝanĝojn en la *dits*, ĝis kiam ĝi disvolviĝis en la nunan nederlandan lingvon. Konforme al la progreso de trafiko, komerco k. t. p. tamen la unueco de la nederlanda lingvo pli kaj pli grandiĝas; dialektaj esprimoj malmultiĝas.

El tiuj plej malnovaj tempoj malmultaj verkoj konserviĝis al ni, ofte eĉ nur fragmentoj. Ja ne ekzistis ankoraŭ la presarto, do nur kopiado plimultigis la ekzemplerojn de iu verko: temporaba kaj multekosta laborado.

La formo kaj enhavo de tiuj plej malnovaj literaturajoj estas tre malvaste ligitaj al la literaturo de l' ĉirkaŭantaj landoj. Kiel la plej malnovan verkon el la nederlanda literaturo oni ofte rigardas la *Legendon de Sankta Servaco* (Servatius) fare de *Henriko van Veldeke* (*pr.:* véld:k:[1]). Ĉi tiu verko datas el la 12-a jarcento kaj estas verkita en limburga dialekto.[2])

Jam dum la 11-a jarcento estiĝis la t. n. *Frankaj Romanoj*, kies ĉefpersono ofte estas Karlo la Granda. Ili rakontas pri la bataloj de l' reĝo, pri ribeladoj kaj similaj aferoj. Verve ili rakontas la okazajojn, sed nur tre malmulte da karakterologio estas trovebla ĉe la preskaŭ ĉiam nekonataj aŭtoroj. La herooj estas veraj barbaroj sen kavaliraj virtoj. La virinojn ili uzas kiel sklavinojn. El ĉiuj ĉi romanoj la plej konata kaj plej bela certe estas *Karel ende Elegast* (pr.: kár:l énd: élegast; t. e. Karolo Elegesto). Tamen en niaj regionoj oni ne tiel ŝatis la »batalantan literaturon«, kiel la »aventuran«. *De Vier Heemskinderen* (*pr.:* vir hémkinder:n; t. e. La kvar infanoj de Hejmin), rakontas pri kvar fratoj, kiuj kun sia ĉevalo faris miraklojn kontraŭ Karolo la Granda.

Dua speco estas la *Keltaj Romanoj*, kiuj sin distingas per sia bigota pieco. Ekzemple la »*Kavaliroj de la Tablo Ronda*«, kiuj entreprenas longegajn vojaĝojn por serĉi la Sanktan Pladon[3]). Ankaŭ tre forta amo al virino estas ofte trovebla. Multajn strangajojn la kavaliroj ofte renkontas dum siaj vojaĝoj. La *Romano de Válevin* (*Walewijn*) estas la plej konata el ĉi tiuj. Tamen la karaktero de niaj popoloj ne estis tia, ke ili povus ŝati ĉi tiun arton.

Tute alia speco estas tiu de la *Orientaj Romanoj*, kiuj estiĝis sub la influo de la oriento en la okcidento tempe de la krucmilitiroj, ekz. »*Floris ende Blancefloer* (*pr.:* flóris kaj bláns:flur) el la mezo de la 13-a jarcento.

Bestrakontajojn, en kiuj la bestoj parolas plej ofte por doni ian moralinstruon, oni konas en multaj landoj. Veninte el Azio ili enpenetris ankaŭ ĝis Francujo kaj de tie ree pli norden al Nederlando. La plej konata estas la *Lupo Rejnardo*, verkita de iu Vilhelmo fine de la 13-a jarcento laŭ franca originalo. La *dits*-eldono tamen estas multe pli altkvalita ol la originalo kaj ĝi certe estas unu el la plej gravaj verkoj el tiu tempo. Per ĝi la aŭtoro kritikas la konduton de la pli altaj rangoj, kies forto estas ĉiam atutata per ruzo. Multaj eldonoj sekvis, eĉ en la nuna tempo belga aŭtoro denove prilaboris ĝin: Stijn Streuvels (pr.: stejn strev:ls).

Facile estiĝis post la sukcesoj de la instruaj fabloj la spirita poezio. La klerikoj ja estis preskaŭ la solaj homoj legkapablaj kaj skribipovaj. Eĉ kelkajn biografiojn de sanktuloj ni posedas, bedaŭrinde ne tro sukcesajn. Per sia simpleco kaj profundeco sin distingas precipe la *Fabelo de Beatris* el la komenco de l' 14-a jarcento.

Sed jam tuj oni komencis ekvidi la grandan signifon de la instrua verko kaj komencis instrui religiajn kaj sociajn temojn per poemoj. En tia poemo de *Jakobo Maerlant* (*pr.:* márlant) ni vidas kiel vivkoncepton ian kristanan komunismon: ĉiuj homoj estas ja fratoj, ĉiuj deveninta j de Adamo; nur misuzo de potenco kreis la di-

[1]) La akcento montras la akcentitan silabon; la signo: montras t. n. mutaneon.

[2]) Limburgo, suda provinco de Nederlando.

[3]) t. e. la plado el kiu Kristo estus trinkinta ĉe la Lasta Vespermanĝo (Grabo).

## Kaj —

— Janis Trimda —

*Kion mi ekas, oni jam eluzis,*
*Nur »kaj« plu estas la unua vort'*
*Sed kie plendi, kion do akuzi?*
*Eterne tremas ter' pro tondra fort'.*

*Eternas tondro kaj eternas floroj,*
*Malĝoj' eternas kaj eternas ĝoj'.*
*Kaj kion ajn nun kantas vi, ho, koro,*
*Venion novan trovas via voj'.*

*Jam ĉio estis. Ĉio jam dirita.*
*Kien vi venas, oni estis jam.*
*Se vi en vidon tute junan glitas,*
*Ho, vin rigardas de l' pratempo flam'.*

*Sed kie plendi, kion do akuzi,*
*Ke »kaj« nur estas ĉiu mia vort'?*
*Kion mi ekas, oni jam eluzis,*
*Eterne tremas ter' pro tondra fort'.*

*El la latva:* **N. Kurzens**



R. Kremlička *Pejzaĝo*

ferencon inter sinjoroj kaj sklavoj. La varoj apartenas al ĉiuj kune, kaj cetere Jesuo preferis malriĉon ol bonfarton. Ankaŭ ne estas bone rigardi pro la peko de Eva ĉiujn virinojn kiel malbonajn. Ĉiu ja estas respondeca pri propraj agoj kaj cetere estis ja virino, Sankta Maria, kiu naskis la Savanton.

Oni povas facile kompreni, ke ĉi tiuj poemoj baldaŭ fariĝis popularaj. La sama aŭtoro verkis ankaŭ kelkajn pli malpli sciencajn verkojn pri naturo kaj *Biblian Historion* en rimo. Post lia morto (ĉ. 1300) kelkaj imitantoj formis la Didaktikan Skolon, sed neniu superis la »patron de l' *dits*-aj poetoj«.

Ankaŭ la muziko jam debutis kaj estiĝis pli kaj pli da kantoj, kies tekstojn disvastigis trubaduroj. Plej unue kompreneble la eklezaj kantoj disvastiĝis, psalmoj kaj Maria-kantoj. El ĉi tiu tempo mi respekte mencias ankaŭ unu el la solaj du poetinoj nederlandaj, kiuj superis la mezan kvaliton, nome *Fratinon Hadewych (pr.:* hád: vih), la verkintino de l' plej profunda mistika poezio, en kiu la pia animo sopiras al unuiĝo kun la ĉiela fianĉo. Ŝi komencis antaŭ sia morto (ĉ. 125) ankaŭ la unuan prozon en nia lingvo por rakonti pri la vizioj, viditaj dum ekstazo.

Sed pro la ĉiam pli grandiĝanta disvastiĝo, la nivelo de la enhavo kompreneble malaltiĝis: »mondaj rakontoj« estiĝis, el kiuj mi mencias la historiajn (pri grafo Floris V, tre populara princo, kiu estis mortigita en 1296), la amajn kaj militajn kantojn en libera ritmo.

La komenciĝon de la prozo ni jam renkontis ĉi supre. La prozo ja ĉefe estas destinata por legantoj kaj ĝi do postulas certan instruitecon de la publiko. (La poezio destinita por aŭdantoj estis jam pli facile disvastigebla dum tiuj tempoj.) Komence oni do nur uzis ĝin en oficialaj protokoloj kaj pure instruaj verkoj. Eble la plej malnova proza verko en nia literaturo estas la *Vivo de Jesuo*, kompilita el la kvar evangelioj en la 14-a jarcento. Simple kaj tamen freŝe ĝi rakontas.

Post la supre nomita »patro de l' poetoj«, nun sekvas la »patro de l' prozo«, *Jan van Ruusbroec (p.:* rüsbruk), pastro en Bruselo, kiu verkis kelkajn mistikajn verkojn kun tre simbolisma enhavo kaj alegoria klarigo de l' Sta Biblio. Lia disĉiplo *Jan van Leeuwen (pr.:* lév:n) akre kritikas la konvencian vivon kaj la diboĉan vivon de pluraj klerikoj. Oni trovas kelkajn ideojn, kiuj memorigas pri la »komunismo« de Maerlant. Eĉ estiĝis dum ĉi tiu tempo la unua kolekto da predikoj fare de *Geert Groote (pr.:* ge:rt grót:) kaj la medita verko de *Thomas a Kempis: La imitado de Kristo*. Pri la vivo de l' du lastaj oni iom dubas. Dum la 15-a jarcento oni vidas tre grandan disvastiĝon de la proza literaturo, kvankam nur la prilaboritaj kavaliraj kaj bestaj romanoj el pli fruaj tempoj havas pli gravan signifon.

Dum tiuj fruaj mezepokaj tempoj la klerikoj prezentis en siaj preĝejoj en la altara spaco ofte la pasion kaj aliajn momentojn el la vivo de Kristo. Tio komenciĝis sole per tio, ke tri klerikoj dividis inter si la rolojn de la pasia rakonto: unu legas la rolon de Kristo, dua tiun de popolo kaj tria la ceteran. Poste tiu kutimo grave ampleksiĝis, tiel ke la diservo fariĝis preskaŭ teatra prezentado kaj kompreneble la alta klerikaro vidis en tio dekadencon kaj sekve malpermesis la prezentadon de tiuj rakontoj en la preĝejo. Tiam oni unue celebris la diservon kaj post tiu prezentis la ludon sur la foiro antaŭ la preĝejo. Nun la ligiloj ne plu estis tiel rigidaj kaj jam baldaŭ oni komencis prezenti ankaŭ aliajn teatrajojn, ekz. la vivojn de sanktuloj kun mirakloj. Post certa tempo tiu miraklo estis forlasita el la ludo kaj oni jam havis antaŭ si la mondan teatrajon.

Tamen nur kelkajn el tiuj unuaj eklezaj misterludoj ni posedas: »*La Unua Ĝojo de Maria*« (15-a jarcento), »*Ludo de la Sankta Sakramento*« (ĉ. 1500) Kompreneble oni ne vidas en ili indikojn pri scenejo kaj akcesoraĵoj.

Tute nova epoko estas la skolo de la t. n. *retorikuloj*. Tiuj retorikuloj formis certajn gildojn de literaturistoj por unuigi ĉiujn, kiuj deziris sin okupi pri lite-

## Aŭtuna elegio

— *N. Kurzens* —

*Hieraŭ pluvis, kaj hodiaŭ pluvas*
*kaj morgaŭ same, lace glitos gutoj;*
*kaj same, lace iros la minutoj*
*de mia viv', sencela kaj enua.*

*Ja ĉiu tag' forlavas rabe ion!*
*ja ĉiu nokto portas ion for!*
*ja de l' pasinto restas nur memor'!*
*ja por l' estonto havas mi nenion!*

*Ne tendas plu ĉielon fulma glavo,*
*ne tremas tondre plu la firmamento.*
*Ĉe la anguloj ploras ftiza vento,*
*Kaj pluvas, pluvas, pluvas — tag' post tago.*

*Kaj ĉiu tag' forlavas rabe ion,*
*Kaj ĉiu nokto portas ion for;*
*Kaj de l' pasinto restas nur memor'*
*Kaj por l'estonto — havas mi nenion...*

## Melankolio

— *Alfred Schaußuber* —

*Flameto sur modesta meĉo kaŭras,*
*trembrilas malsanete kaj maldaŭras.*
*Ridinde ombro mia sin distiris,*
*la kapo en la manojn ĵus foriris.*
*Nun de l' horloĝ-vizaĝo la sekundoj*
*defalas kiel larmoj al la vundoj.*
*La tago mortis: tago senfiera...*
*Kaj morgaŭ es'os ree tago senespera!*

---

raturo. Opiniante, ke literatura kapableco ne estas talento, sed ke oni povas lerni fariĝi verkisto, ili instruis la verk-arton. La membroj de la retorikaj gildoj devis laŭ fiksita programo fari ian poemon kaj venante en la klubejon la aliaj membroj donis siajn kritikojn, proponis ŝanĝojn k. t. p., tiel ke post nelonga tempo el la originalo (tio jam ne estis vera poemo kompreneble, ĉar ĉiu, kiu nur volis, povis fariĝi membro) nenio alia restis ol komune farita vort-sinsekvajo. Iliaj verkoj neniom valoras el pure literatura vidpunkto, kaj nur konsistis el lertaj jonglajoj per vortoj kaj literoj (nompoemoj, kies unuaj versliteroj formis ian nomon k. s.); ni posedas eĉ ili eĉ ŝaktabulon, sur kiu en ĉiu kvaranguleto estas skribita unu verso. Laŭ la ordinaraj ŝakreguloj oni povas legi la poemon ĉiudirekten! Tiu stato daŭris ĝis la fino de la 16-a jarcento.

Tamen restis el tiu retorika tempo kelkaj pli taŭgaj verkoj, precipe sur kampo de l' dramo, faritaj de homoj iom pli memstaraj. En tiuj dramoj oni ne trovas vivantajn homojn, sed personigitajn ecojn, kiuj faras tre longajn predikojn pri iu morala temo. Verdire ili do ne estas por esti vidataj, sed pli ĝuste por esti aŭskultataj. Kvankam tiuj dramoj por ni nun estas tre longdaŭraj kaj tedaj, tamen ili ludis gravan rolon en la socia vivo de tiuj tempoj kaj certagrade preparis vojon al la Reformacio en la Kristana Eklezio (1517 kaj 1545).

Ankaŭ kelkajn farsojn ni havas el tiu tempo, en kiuj oni sentas la naturan econ de l' homoj tiutempaj; krueleco, komikajoj k. s.

Ni vidis, ke la retorikuloj en certa senco sin lokis je la flanko de progreso, ili preparis novajn vojojn. Mal-

graŭ siaj sukcesoj ĉe la nobeloj, kaj sekve de tio ankaŭ favoroj, ili estis jam baldaŭ malpermesataj. Precipe post la komenco de la t. n. Okdek-jara Milito de Nederlando kontraŭ la reĝo Filipo II de Hispanujo (la nederlandanoj, parto de la granda regno regata de la Habsburga Domo, deziris sin liberigi kaj batalis kontraŭ la nomita reĝo de 1568 ĝis 1648, kiam ili estis liberigataj) eĉ la ordinaraj kunvenoj de la retorikuloj estis malpermesitaj. Nur en la suda parto (nuna Belgujo) ili restis ankoraŭ dum kelka tempo: tie ja oni ne tiagrade sin okupis pri politiko, kaj krome oni tie apartenis al la katolike kristana eklezio, do al la sama de la reĝo.

Nova epoko komenciĝis per la renesanco kaj humanismo. La plej konata humanisto nederlanda sendube estas *Desiderius Erasmus* (1467—1536; pr.: dezidérius erásmus), kies verkojn *Lof der Zotheid* (Laŭdo de l' Stulto) kaj *Samenspraken* (Dialogoj) oni legas ĝis la nuna tempo. Tamen li uzis, kiel la pli multaj humanistoj, la latinan lingvon. Ĉe aliaj aŭtoroj tiutempaj oni vidas la sekvon de l' komenciĝanta renesanco: trouzon de antikvaj nomoj. En iliaj verkoj la grekaj dioj, diinoj, herooj k. t. p. rolas en tia amaso, ke ili nur pene estas legataj (verkitaj kompreneble laŭ la antikvaj skemoj en odoj, epigramoj k. s.). Iom poste sekvis la flortempo de la renesanco en nia literaturo, kies reprezentanto estas *Jan van der Noot* (*pr.:* jan van d:r no:t). Ĉi tiu verkis multajn odojn kaj sonetojn, kiuj montras lian delikatan senton rilate al sono kaj ritmo. Post lia morto (1595) oni poiom forgesis lin, bedaŭrinde! Tre interesa figuro ankaŭ estas *Carel van Mander* (1548—1606; *pr.:* Kár:l van mánd:r), kiu krom aŭtoro ankaŭ estis valora pentristo. Pri pentristoj li verkis sian konatan *Schilderboeck* (*pr.:* ŝhild:rbuk; t. e. Libro pri l' pentristoj), kiu priskribas la tutan tiaman pentroarton.

Krom tiu renesanco ankaŭ la Reformacio grave influis la literaturon. Nederlandanoj ja estas tre religiemaj homoj (pruvo por tio jam estas la ĉiam pligrandiĝanta nombro da »eklezianaretoj«: ĉiu persone studas teologion kaj havas sian propran opinion pri ĝi, do ne akceptas discipline la instruon de iu eklezia aŭtoritato. Kiam iu malsamopinias kun alia, tiam li fondas novan »eklezion« kaj ĉiam li trovas kelkajn samideanojn. Miascie tiu religiema fenomeno estas unika por Nederlando). Post la Reformacio tuj ekstaris kontraŭuloj kaj defendantoj de la herezo kaj oni scias, ke nenio tiel vivige efikas al literaturo kiel tia reciproka verkado pri tiaj temoj. Oni bedaŭrus, ke en Esperanto ni ne havas ion tian. *Anna Bijns* († 1573; *pr.:* ánna bejns) forte defendis la katolikan kristanismon per poemoj en la formo de la retorikuloj. Pasie ŝi skribas kontraŭ Luther, sed la konvencia maniero de ŝia verkado ne levas ŝin ĝis la alta rango de nia literaturo. Defendanton de la Reformacio ni renkontas en *Marnix van Sint Aldegonde* (1540—1598; *pr.:* Márniks van sint Ald:gónd:), kiu naskiĝinte el katolikaj gepatroj post sia studo en Ĝenevo (la urbo ja de Calvin) defalis de la Eklezio kaj okupis sin pri la tradukado de la S. Biblio (regis tiutempe kaj en certaj landoj ankoraŭ nun la misopinio, ke katolikoj ne rajtas legi tiun libron; fakto estas, ke la Katolika Eklezio estas tute bazita sur la S. Biblio kaj absolute permesas al ĉiuj legi la S. Biblion, sed nur en fidindaj tradukoj — kompreneble!). Poste li verkis akran satiron kontraŭ la Katolika Eklezio per sia *Byencorf der Heilige Roomsche Kercke* (1568; *pr.:* bienkorf der hejl:g; roms: kerk; t. e. Abelujo de la Sankta Roma Eklezio); cetere oni ofte dubis, ĉu ĝi estis tute originala. La libro montras la kutiman reakcian akrecon; ĝi povas eĉ ne valortaksi la bonajn flankojn. Malgraŭ tio, pro sia stilo la libro estas unu el la plej belaj libroj el tiu epoko. Krome li laŭ kelkaj estas la aŭtoro de la nederlanda patruja kanto; aliaj — eble prave — pridubas tion.

Aliaj aŭtoroj el la multŝanĝa tempo estas ekzemple *Coornhert* (1533—1590; *pr.:* kó:rnhert), verkinto de libro pri moralo el vidpunkto de l' tempo antikva; kaj *Roemer Visscher* (1552—1620; *pr.:* rúm:r vís:r), la gaja verkinto de ŝerco, vorto-ludoj kaj epigramoj. La versfarado al li estis pura tempo-pasigo. Du el liaj filinoj, *Maria* kaj *Anna*, poste trovis lokon en la literaturo, precipe Anna pro sia poezio de moralo. *(Daŭrigota)*



J. Horejc *Kristalaj vazoj*



# OBSERVO

(LB). JULES ROMAINS: LES HOMMES DE BONNE VOLONTÉ. (La bonvolaj homoj.) En la romanliteraturo de Francujo la plej granda evento de la lastaj jaroj estas la verko de *Jules Romains: Les hommes de bonne volonté,* en ses volumoj. Post la multaj skizaj, momentfotomanieraj libroj de l' nuna libromerkato ĝi efikas surprize: en ĝi oni trovas ellaboritajn karakterojn. En la antaŭparolo la aŭtoro protestas kontraŭ la akuzo pri »filmstilo«, sed la mallongaj kaj tre realistaj bildoj tamen pri tio memorigas komence la leganton. »La 6-a de oktobro«: apenaŭ ni ekrigardis la ĝeneralan bildon de la pariza strato, tuj ni estas kondukitaj en la loĝejon de bela aktorino en frumatena horo, de tie subite ni iĝas atestantoj pri la matena irado-venado de katolika nobel-familio, sed ankaŭ tie ni ne povas tro longe resti. Dume ni vidas la vagonarojn, kiuj rapidegas al Parizo, ni observas la animstatojn, la politikajn sintenojn de la vojaĝantoj, jam ĝermas la terura historio de la genia krimulo Quinette, kiu la plej altan gradon de vivĝojo atingas per malvarme antaŭpreparita murdo. Dume ni saltas sur aŭtobuson, por partopreni la unuan aventuron de la juna ĉambropentristo Wazemmes, poste tra politikaj disputoj, tra la novajoj de l' virina modo kaj tra sennombraj aliaj komplikajoj ni antaŭeniras en la romano. »Filmstilo« — ĉi tiu difino estas tro malprofunda, ni diru prefere, ke la aŭtoro bonege inventis tiun rakontmanieron, kiu pleje konvenas al evoluanta metropolo en la senpaca epoko de l' tekniko. Ja la tuta homa organismo estas devigata trovi novan ekvilibron kaj ritmon, la antenoj de nia animo funkcias alimaniere kaj nuntempe ili deziras de la romanverkisto alion, ol antaŭ la invento de l' aŭto, telefono, radio ktp.; la reguloj de l' verkista arkitekturo travivas esencajn transformiĝojn.

Jam en la unua volumo ni konjektas la konturojn de la heroo de Jules Romains: ĉi tiu mil-anima, giganta, ofte timiga, foje malsan-inklina, foje revema, idealista, juna, kaj tamen mortlaca, memorturmentita, mistera kaj ĉiam minaca estajo estas Parizo mem, la potenca urbego, ĉirkaŭ 1908. La atmosfero de l' grandurbo estas mistera batalejo de multspecaj, mult-tendencaj kurentoj. Dum ni sekvas la revadojn de l' unuopaj figuroj, kun konsterna vigleco ekviviĝas la matenaj, sunbrilaj, vesperaj kaj noktaj sonĝoj de Parizo.

Koncerne koncepton, formon kaj temon ni staras antaŭ tute noveca aŭdaca kaj multflanka entrepreno. Definitivan juĝon ni ankoraŭ ne povas diri, ĉar aperos ankoraŭ pluaj volumoj. (La aŭtoro avertas la leganton, ke la unuan parton — 4 vo'umoj — oni rigardu enkonduko.) Romains, la kreinto de l' unuanimismo, realigas en ĉi tiu ciklo la programon de l' direkto farita de li: li esprimas la kolektivajn sentojn de l' homaj kunecoj trasorbitaj de samforma spirito. Kapturne multaj figuroj tramarŝas antaŭ ni, tiel ke la aŭtoro devas listigi siajn figurojn en aparta tabelo, por ke la leganto ne konfuziĝu pri ili.

Ĉiu volumo havas apartan individuan karakteron, kiu esprimiĝas ankaŭ en la titoloj. »*La 6. octobre*« donas rapidan trarigardon, kvazaŭ ni vidus unue la vizaĝon de Parizo el kuranta aŭto. »*Le crime de Quinette*« — tre drameca volumo — pleje similas al moderna romano. »*Les amours infantines*« (La infanecaj amoj) varias kolorpompajn sonĝojn kun koncize skizita serio da okazajoj. En la »*Eros de Paris*« pleje fortas la poezia impeto kaj delikateco. La dispecigiteco, la maltrankviliga multo da homoj iom post iom dividiĝas en grupojn, el kiuj laŭgrade formiĝas la tuta pariza socio.

El la jus aperintaj du volumoj, en la unua (»*Les superbes*«) la scenejo estas la mondo de l' riĉuloj, kaj la ĉefherooj: la monduma sinjorino Marie de Champcenais, konata el la antaŭaj volumoj; poste Haverkamp, la granda »faristo«, kiu elluktis por si vojon supren el la profundo kaj estas tipo de la nuntempaj dubfamaj financkavaliroj laŭ la speco de Kreuger kaj Stavisky; fine Gurau, oportunisma ambicia politikisto — same konata figuro en la kampo de l' nuna politiko.

La dua volumo (»*Les humbles*«) pritraktas la antipodan mondon, la vivon de humiluloj, modestuloj, simpluloj. Tien falas — aŭ leviĝas? — Marie de Champcenis, tie ni renkontas ree la figurojn de la antaŭaj volumoj: Quinette, Saint-Papoul, Clauricard k. a. Alte elstara figuro de tiu ĉi volumo estas pastro Jeanne, kiu post korpaj kaj animaj tentoj, duboj kaj suferoj, fine retrovas sian veron. La unuanimismo de Romains en tiu ĉi volumo venas al la kolektivismo en pure kaj majeste katolika senco. En la antitezo de riĉulo kaj malriĉulo la okuloj de Romains ekvidas la fadenojn — la fadenojn de l' sufero — kiuj sekrete kunligas la du mondojn. La kristana amo, la feliĉo de humilo donas al la universalo de tiu ĉi mondo la komunan nominatoron.

Post la lego de la ses volumoj ni jam ne demandas: kie estas do la celo, kien do ni vojaĝas. Ni komprenis, ke *la celo estas mem la vojo,* kiu kondukas antaŭen eĉ tra la plej kruda realismo. Ni donu nin al la savanta sento de *nerezisto,* de nenio ni forturnu nin malkuraĝe. Ni ne timu, ke tiu ĉi akra vido mallarĝigas, dezertigas kaj trosobrigas la mondon, ĉar »estas misteraj pejzaĝoj, kies rezisto estas eterna.«



Fr. Pavelka *Studo*



O. Gutfreund — *Virino kun rozo*

(L). NEGRAJ POETOJ EN AMERIKO. En Ameriko, kiel oni povas ekscii ankaŭ el la jurnaloj, la nombro de linĉadoj multobliĝis lastatempe. Kaj la rezulto — la spirita vivo de l' negroj estas nun pli freŝa kaj triumfa ol iam ajn. Iliaj jurnaloj kaj revuoj konkuras laŭ nivelo kun ĉiu ajn eŭropa aŭ amerika jurnalo aŭ revuo. Kaj iliaj poetoj scipovas, kion nur scipovas veraj poetoj, kaj iliaj kreaĵoj estas peseblaj eĉ sur la plej sentema pesilo de l' pura estetiko.

Negra poezio! Kiu atendas ian primitivan aŭ ekzotikan poezion, tiu ege trompiĝis. La amerika negra poezio jam troviĝas trans tio, ke oni povus ĝin rigardi nura etnografia kuriozaĵo. Ĉiaj kultantoj estas poetoj, kiuj lernis de la grandaj mondliteraturaj majstroj ĉion lerneblan. Ili trarompis la ĉinan muron de indiferenteco kaj malamo kiu ĝis nun ĉirkaŭis ilin. Per malrapida sed obstina laboro ili elluktis por si lokon inter la plejranguloj de la amerika spirita vivo.

Laŭ sia profesio ili estas plejparte intelektuloj: profesoroj, pastroj, instruistoj, studentoj.

Ĉu ilia poezio havas ian karakterizan trajton, kiu ĝin akre diferencigus de la blankula poezio? La demandon oni devas ĝenerale nei. Sed tamen ekzistas sola trajto, kiu ĝin karakterizas: la rezigna tono. Ili ne havas eĉ unu poeton, en kiu oni povus trovi signon de sereneco. El la voĉo relative junaj, tri-dek-tridekkvin-jaraj homoj elsonoras tia doloro, amareco kaj malĝojo, kvazaŭ ili estus vivo-sataj maljunuloj. Malantaŭ ilia tuta raskonscio, revolucieco, eĉ ŝajna vivjesado, kaŝiĝas tiu ĉi apenaŭ difinebla kaj esprimebla malĝojo.

Se aparte ni esploras la vivon de ĉi tiuj poetoj, nur tiam ni ekscias vere, kion devas suferi negra junulo, ĝis li povas fini siajn studojn kaj ĝis oni lin rigardas poeto en Ameriko.

*Langston Hughes*. Li estas la plej revolucia temperamento inter la negraj poetoj. Li protestas kontraŭ ĉiu rasa, nacia, klasa subpremo. Li estas poeto de senigitoj kaj humiligitoj, verkas siajn poemojn pri la negro lavanta kraĉujojn en hotelo, pri la eterne kliniĝadanta servknabo, pri siaj linĉitaj fratoj. Lia kuntrena temperamento ne toleras kontraŭstaron. De la grandimpeta kaj vastarka libera verso ĝis la plej delikataj kaj sufokvoĉaj kantetoj li traprovas ĉiun formon kaj artospecon. La revolucieco estas ĉe li kvazaŭ familia heredaĵo. Lia avo falis en la luktoj de tiu ribelo, kiun gvidis John Brown en 1859. La junan Hughes edukis la avino, la vidvino de tiu ĉi revoluciulo. Ankaŭ lia vivo estas nura aventuro kaj ekscito. Ne multe pli ol tridekjara, li jam travagis la duonan mondon. Li estis maristo, hotelpordisto, kelnero kaj filmreĝisoro. Nun li estas universitata studento. Ĝis nun aperis de li du volumoj: *The Weary Blues* kaj *Fine Clothes for the Jew*.

*Claude Mac Kay*. Fiera pledanto por la negra raskonscio. Kun malamo kaj blinda abomeno li rigardas la blankan homon, en kiu li vidas nenion alian ol negrolinĉanton. Kiel poeto, li estas la plej interesa fenomeno inter siaj kunuloj. Li havas grandegan verskulturon. Per la grandaj majstroj de l' eŭropa, precipe angla liriko li poluris perfekta sian versteknikon. Stranga kontrasto estas, ke ĝuste li, plej perfekta konanto kaj plej bona disĉiplo de l' eŭropa poezio, sin turnas kun la plej amara malamo kontraŭ la blanka homo. Lia vivo estas ne malpli ekscita ol tiu de Langston Hughes. Li naskiĝis en Jamaiko. Komence li estis lignaĵisto, poste servis ĉe la jamaika polico. Sed kiam oni tie ekscii s, ke li estas liberpensulo, oni eksigis lin. Tiam li iras al New-York, iĝas studento. Lia mono baldaŭ elĉerpiĝas, li ĉesigas siajn studojn, ekvagas tra la mondo. Li venas al Suda Ameriko, poste al Aŭstralio, fine al Eŭropo, kie li travagas Britujon, Belgujon, Nederlandon, Germanujon kaj Francujon. Li estis domservisto, oficisto, havenlaboristo, religia oratoro, kelnero kaj aŭtisto. Nun li estas jurnalisto en Parizo.

*Jean Toomer*. La negra Walt Whitman. Ne nur liaj vastinundaj liberaj versoj memorigas la grandan amerikan poeton, sed ankaŭ lia profeto vivo. De urbo al urbo li iradas en Ameriko kaj senpagajn prelegojn kaj paroladojn li faras por siaj negraj fratoj.

*Counte Cullen*. Konservativa negro! Li devenas el metodista pastra familio. La ĉefproblemo de lia vivo estas, akordigi la kristanan mondkoncepton kun sia negra-pagana temperamento. De negra flanko li estas konstante atakata. La jurnaloj lin nomas »perfidulo de l' negraro«. Okazis nome, ke proklamaĵon, protestantan kontraŭ la persekutado de negroj, kiun subskribis la plejgranduloj de la amerika spirita vivo, Counte Cullen ne subskribis.

Kvar vizaĝoj, skizitaj per kelkaj trajtoj. Eble la plej interesaj kaj signifaj. Sed Ameriko havas ne nur kvar negrajn poetojn, ĉar tie ĉiu negro sentas sin humiligita kaj suferanta, do iom ĉiu negro estas poeto. Fenton Johnson, Joseph S. Cotter, Frank Horne, Anna Bontemps, Warning Cuney, Georgia Douglas Johnson kaj Otto Leland Bohannan — ĉiuj estas batalantoj de negra spirito kaj anoncantoj de pli pura kaj bona mondo.

(ML) LIBEL. Fine Lion havas sukceson en la Londona *Playhouse*, per la teatraĵo *Libel* (kalumnio). Ĝis nun malfeliĉo lin persekutis en tiu ĉi bonega sezono. Kompreneble, li faris erarojn; kvankam li estas malnova teatrodirektoro, li ankoraŭ nun ne ellernis, ke en ĉiu alia profesio, eĉ en la politiko, oni povas esti sentimentala, sole en la teatro-gvido tio ne estas ebla. Li prezentis teatraĵon, ĉar li estis bona amiko de la aŭtoro; alian, ĉar la aŭtoro rikoltis grandegan sukceson per sia antaŭa teatraĵo (*While parents sleep*), do li sentis sia devo prezenti de li ankaŭ la duan. La antaŭan teatraĵon oni ludis sepcentfoje, la duan — sepfoje. Sed la nuna peco havas grandan sukceson. Kompreneble la aŭtoro laboras laŭ la plej sekura skemo: la tuta teatraĵo estas ununura tribunala pritraktado.

Sir Mark Loddon, membro de l' Parlamento, ekprocesas kontraŭ jurnalo, en kiu estis skribite pri li, ke li uzurpas sian nomon kaj rangon, ĉar la vera Sir Loddon falis en la milito, kaj li estas soldato el Kanado, kiu prenis al si la paperojn de l' vera Loddon sur la batalkampo kaj — ĉar hazarde li tre similis al li — li transprenis lian heredaĵon, edziniĝis al si belan virinon, iĝis membro de l' Parlamento — sed propre li estas uzurpanto, ĉarlatano. En la unua duono de l' teatraĵo la afero de l' protagonisto statas tute malesperige: la eksterordinare

lerta advokato de la jurnalo — tiun ĉi rolon ludas mem Lion, tute eminente — lude pruvas ĉiujn siajn asertojn, eĉ, ankoraŭ pli multe malkaŝiĝas pri la pseŭdo-Loddon, ol pri kiom oni lin suspektis — tre verŝajniĝas, ke la vera Loddon eĉ ne falis en la milito, sed la pseŭdo-Loddon mortigis lin. La afero jam statas tiel, ke nian heroon forlasas jam eĉ lia edzino, ĉar tiu ĉi homo ja apenaŭ povas sin defendi, li ripetas ĉiam nur la malspritan fabelon, ke lia memorkapablo malfunkcias pro la nervoŝoko, kiu lin trafis en la milito. Advokatoj diskutas, atestantoj konfesas, la kutimaj kaj devigaj nervoskuaj scenoj sinsekvas sur la scenejo laŭ la certaj leĝoj de l' drama matematiko (vidu: *Proceso de Mary Dugan*) — kaj, en la lasta kvaronhoro, Loddon gajnas la proceson, ĉar evidentiĝas pri li, ke tamen li estas la vera Loddon, — kaj Lion gajnas la sukceson, ĉar evidentiĝas pri li, ke li estas eminenta reĝisoro. Delonge ni ne vidis prezentadon tiel bone agorditan, kunludon de tiel eminentaj aktoroj. La plej grandan laŭdon meritas la personiganto de l' juĝisto, *Aubrey Matter:* grava, afabla, intimeca individueco unu el la plej bonaj aktoroj de Britujo.

Post la prezentado la publiko ege postulis la aŭtoron. Direktoro kaj aktoroj senkonsile interrigardis, signante, ke ili ne povas lin »liveri«. Fine Lion, en la kutima eta »*speech*« humure anoncis, ke la aŭtoro antaŭ kelkaj momentoj ankoraŭ kaŝiĝadis malantaŭ la kulisoj, sed dume li plene kaj tute malaperis. Sed konsidere al la granda sukceso, ne estas verŝajne, ke li jetis sin en la Temzon, do oni estu tute trankvila pri li, en lia nomo li, la direktoro, dankas pro la aplaŭdoj. Poste, en la vestadejo de Lion, mi tamen sukcesis malkovri la aŭtoron, kaŝiĝantan sub la pseŭdonimo *Ward Doran* kaj mi devis ridi. Mr. Doran estas malgrasa, sendenta maljunulo, alte super sepdek, praktikanta advokato; ĉi tiu teatrajo estas lia unua verko. Certe, eksterordinare taŭga aĝo por dramverkado, almenaŭ lin trafos multe malpli da senreviĝo, ol lian junan kolegon, la aŭtoron de *While parents sleep*, kiu sendube konstante miregas, kial li ne sukcesas pri siaj aliaj teatrajoj, dum la unua tiel bele prosperis, ke la ondantan maron (li estis marist-oficiro) li ŝanĝis por la teatraj tabuloj, ne konjektante, ke la ventega oceano, kun siaj tempestoj kaj glacimontoj estas milda infanludo kontraŭ la teatro baraktanta sur la ondegoj de l' fortuno kaj hazardo.

(Q). THOMAS MANN: JOZEFO. La mondfama aŭtoro de la *Buddenbrooks* kaj *Sorĉmonto* en 1929 ricevis la Nobel-premion, sed de tiam ankoraŭ pli alten li leviĝis sur la Parnaso de l' rakonta arto. Per sia potenca biblia romantrilogio li kreas unu el la plej grandaj verkoj de l' mondliteraturo. En la unua libro li revivigis la figuron de patriarko Jakobo, kaj en antaŭ nelonge aperinta dua libro li verkis la junaĝan vivromanon de *Jozefo*, plejamata filo de Jakobo. Per eksterordinaraj artismaj rimedoj li igis la biblian historion homa, vivplena kaj hodiaŭa. Nuraj konataj, karnaj-sangaj figuroj estas ĉiuj personoj de l' romano. La sonĝvida, iom neŭroza, narcista Jozefo, kiun pro lia escepta pozicio kaj escepta talento malamas liaj fratoj, la amas-homoj: la gigantstatura Ruben, la frumatura eta Benjamin, la klaĉema Naftali, la kruda, mokŝerce maldelikata Gaddiel, la nigranima Jehuda kaj ĉiuj aliaj. Viviĝas antaŭ ni la monumenta fresko de l' tuta biblia epoko. Ni havas antaŭ ni ne abstraktan mistikon, nek kabalismon, sed home komprenebla, psikologie motivitan, realan agadon, eĉ nun ĉiutage eblan historion. Per la arto de l' verkisto ni rekonas en la figuroj nin mem, ĉar ili spegulas la komplikitan animvivon de l' moderna homo, sekcataj de Thomas Mann per freuda analizo. Li komprenebligas kaj sentebligas la malproksiman epokon kaj la historian legendon, sed tamen li sentigas la profundan simbolismon en ĝi kaj la abstraktajn interrilatojn. Jozefon vendas liaj fratoj al la izmaelidoj, kiuj lin portas al Egipto. Kio tie okazos al li, tion rakontos la tria libro, pri kiu nun laboras la aŭtoro. Post la grandioza dua parto — multe pli perfekta ol la unua — tiu tria parto nepre vekas en ĉiuj legintoj streĉitan interesiĝon.

(Q). PIERRE BENOIT: FORT-DE-FRANCE. Tiu ĉi romano de Pierre Benoit — aŭtoro de la mondfama, plurfoje filmigita »Atlantidino« — faris bruan sensacion en Francujo kaj en la tuta Okcidento. La romano pritraktas la negran problemon el la vidpunkto de seksismo, ĝi estas plena de trohejtita erotiko kaj de ekscitaj okazajoj kaj malkaŝas antaŭ ni ankaŭ la mondon de l' franca kolonia politiko. Ĝia heroo estas Gilbert Vauquelin, la eminenta geologo; li konatiĝas en Parizo kun la belega filino de plantisto en Fort-de-France, kaj enamiĝas al ŝi. Ili ankaŭ gefianĉiĝas. Sed la fianĉino, *Aïssé*, devas hejmenventuri pro la surpriza morto de ŝia frato. La gefianĉoj komence korespondas inter si, sed poste la leteroj de l' fianĉo restas sen respondo. La malesperiĝinta junulo nun vojaĝas al Fort-de-France kaj tie li ekscias, ke la knabino iĝis amatino de mulata viro. Tiu ĉi senkultura, kruda homaĉo — pure per erotiko — tenas la distingitan altdevenan knabinon plene en sia potenco kaj elpremas de ŝi ŝian tutan havajon. *Aïssé* terure turmentiĝas en la humiliga situacio: la societo elpuŝas ŝin el si pro la hontiga interrilato, dum la mulato kruele ŝin mistraktas, batas, kaj trompas kun ĉiu trovita virino, sed la knabino tamen ne povas sin liberigi el la sorĉosfero de la viro, al kiu ŝin pelas ŝia sango. Kiam alvenas Gilbert, kaj la mulato humiligas la virinon ankaŭ antaŭ li, ŝi tamen decidas, ke ŝi liberigos sin de li, kaj ŝi petas por tio la helpon de sia eksfianĉo. Gilbert sin turnas al la registaro. La registaro ege bonvenigas la okazon, ke ĝi povas fine fini pri la danĝera fripono, ĝuinta ĝis tiam, pro politikaj kaŭzoj, imunecon sur la insulo *Martinique*. Ĉar intertempe tiuj politikaj kaŭzoj ĉesis, kaj ĉar oni povis pruvi, ke la malnobla brutulo estas kulpa ankaŭ pro pluraj murdoj, oni lin arestas kaj portas al *Cayenne*. Sed tiam Aïssé ribelas, kaj ree, ĝis la lasta guto de sia sango ŝi persistas ĉe sia amato. Kaj la malfeliĉa, trompiĝinta Gilbert mortigas sin mem en stranga, nekutima maniero: li jetas sin en la krateron de vulkano.

Krom la ekscita agado kaj interesaj psikologiaj implikajoj, aparta valoro de l' romano estas, ke ĝi grandioze vivigas antaŭ ni la mirindajn tropikajn belaĵojn de la insulo *Martinique*.

S. ORDYNSKA. Trakurinte la *Aŭtunan Salonon* mi haltis antaŭ la bildoj de s-ino *S. Ordynska*, kiel mi faris ankaŭ dum la pasintaj ekspozicioj. Altiris min ĉi tiun fojon la riĉeco kaj vireca energio de ŝiaj portretoj.

Studinte la Akademion de Belartoj en Krakovo, ŝi forvojaĝis al Italujo. Tie, en Florenco, ŝi enprofundiĝis en la de la italaj ĉefverkoj. Veninte poste al Parizo, ŝi en la komponon kaj ritmon de la italaj ĉefverkoj. Veninte poste al Parizo, ŝi sekvas prove la direktojn de novprimitivistoj kaj kubistoj, por elprofiti ĉion kaj krei ion apartan. De multaj jaroj ŝi ekspozicias. Ŝiaj pejzaĝoj esprimiĝas en klaraj koloroj kaj estas plenaj de sentemo kaj sincero.

Ŝiaj portretoj estas ĉiam majstraj desegnoj, ĉu faritaj karbe aŭ penike. Ŝi eligas ian ĉarmon kaj subtilan esprimon kaŝintan en la modelo. Ŝi uzas ĝenerale nur la malvarmajn kolorojn por siaj portretoj (ĉefe verdan aŭ bluan), eĉ por la pentrado de l' korpo. Varmajn kolorojn ŝi uzas nur escepte.

La du portretoj, kiujn mi povas publikigi montras miajn amikojn ges-ojn CHOJECKI. Li, polo, edziĝis antaŭ nelonga tempo kun ĉarma japanino. Estas interese, ke japana esperantisto Morizo Ga estas nun parenco de la juna paro. Mi havis la plezuron traduki plurajn esperantajn gratul-leterojn al la junaj geedzoj el Japanujo.

*S. Grenkamp-Kornfeld*

---

**Vortoj netroveblaj en la Plena Vortaro**

*bunta:* multkolora; *descendi:* malsupreniĝi; *frida:* malvarma; *frondo:* verda branĉ(ar)o; *gongo:* bata muzikinstrumento; *jazo:* negreca dancorkestro; *nervoza:* nerve maltrankvila; *pigra:* maldiligenta; *vaka:* malplena.

Jus aperis la senpacience jam atendata 11-a eldono de

# BES-Adresaro

## de esperantistoj el ĉiuj landoj

kun pli ol 1000 adresoj kaj preskaŭ 100 portretoj de E-istoj el pli ol 40 landoj, kun detala registro de aliĝintoj laŭ profesio, inklinoj kaj fakoj, tiel ke ĉiu tuj povas trovi la deziratan adreson! Tiu ĉi belaspekta, modele aranĝita broŝuro, kiu enhavas kun bilda, registra kaj anonca partoj 110 paĝojn, estas bezonega kaj unika helpilo por ĉiu esperantisto kaj kostas sole 1 Fsv = 1·60 P (4 resp. kup.) aŭ egalvaloron. Ricevebla en ĉiuj E-librejoj, ĉe niaj reprezentantoj aŭ rekte ĉe l' eldonejo

**BES (Boh. E-Servo), Potŝtejn Ĉeĥoslovakujo**

Aliĝoj por la nova, 12 a eldono, estas jam akceptataj. Aliĝa kotizo kun senpaga adresaro estas sole 1 Fsv publikigo de portreto kostas 0·50 Fsv.' Ĉiu deka aliĝonto ricevos premion en la valoro de 1 ĝis 25 Fsv. Postulu senpagan, 12-paĝan ilustritan prospekton, kie vi trovos detalaĵojn pri ĉio!

# *El la Notlibro de Praktika Esperantisto*

nomiĝas nova interesa verko de

## K. R. C. Sturmer

Ĝi prezentas tre interesajn pensojn kaj konstatojn el ĉiuj terenoj de la vivo, ĉefe el la vivo de esperantistoj kaj esperanto, skribita en la formo de taglibro.

La erojn kaj la tutan verkon preselektis

**K. Kalocsay, L. Totsche kaj V. Bleier**

kio ankaŭ estas garantio por vi, ke en la libron venis vere interesaj pensoj de la bone konata recenzisto.

La verko ampleksas ĉ. 130 dense presitajn paĝojn sur formato 20×13.5 cm. kun dukolora kovrilo.

Prezo broŝurita sv. fr. 2.50, bindita sv fr. 4 plus 10% por sendkostoj,

Membroj de AELA rajtas aĉeti po unu ekzemplero por 1.— sv. fr. broŝ. kaj 2.— sv. fr. bind. plus 15% por sendkostoj.

Tiu favora prezo rilatas nur AELA-membrojn en 1934-a jaro.

**Eldonas Literatura Mondo, Budapest**

# Universala Esperanto Asocio

**celas:**

*Disvastigi* la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto.

*Plifaciligi* la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo.

*Krei* internaciajn servojn uzeblajn de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio.

*Kreskigi* inter siaj membroj fortikan ligilon de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon por fremdaj popoloj.

La Asocio estas neŭtrala rilate al religio, nacieco aŭ politiko.

**donas:**

*Al la membroj:* Membrokarton kaj kvarcentokdekpaĝan Jarlibron kun la adresoj de la Delegitoj, Esperantistaj grupoj, gazetoj, organizaĵoj, kun sciigoj pri internaciaj rilatoj ktp.

*Al la Subtenantoj:* Krom ĉiuj dokumentoj, kiujn ricevas Membro-Abonanto, premion konsistantan el Esperartikoloj literaturaj, sciencaj, teknikaj kaj precizaj informoj pri la movado.

*Al la Subtenantoj:* Krom ĉiuj dokumentoj, kiujn ricevas Membro-Abonanto, premion konsistantan el Esperanto-literaturo.

Ĉiu aliĝinto rajtas presigi senpage korespondan anonceton unufoje en la gazeto »Esperanto«,

**kaj postulas nur modestan kotizon**

de 5 Fr. por Membro, de 12,50 Fr. por Membro-Abonanto kaj de 25 Fr. svisa valoro por Membro-Subtenanto.

# LA PIRATO

Petu specimenon!

kaperas ĉiumonate Kajeroj por Satiro, Humoro kaj Libereco . . . relativa. — Ŝipestro: **Raymond Schwartz.** Hejma haveno kaj administracio: J. Solsona, 9, rue Hallé, Paris-XIV.

Felelős szerkesztő: Dr Szilágyi Ferenc. — Felelős kiadó: Bleier Vilmosné. — Pestvidéki Nyomda Vácon. — A nyomdáért Bénik Gyula felelős.